XVII^a jaro. N° 248 (4) ⭑ Monata ⭑ Aprilo 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## ESPERANTO ĈE PARLAMENTO

La Finnlanda parlamento, post tre interesa diskuto, decidis subteni la nacian Esperanto-Asocion de tiu lando per subvencio de 25,000 markoj. Rimarkinde estas, ke el la tuta budĝeto por „scienco kaj arto“, la propono de la Financa komisiono pri Esperanto okazigis la ĉefan debaton. Pri tiu temo, la 2 marto, dek kvar deputitoj parolis sinsekve. Nia bonega kunfrato „Esperanta Finnlando“ presigos la detalan raporton pri la diskuto.

Kelkaj parlamentanoj kritikis la proponon opiniante, ke angla lingvo fariĝos ja la tutmonda. Aliaj deziris, ke la subvencio estu dividata inter Ido kaj Esperanto, opiniante, ke ili malmulte diferencas unu de la alia kaj efektive ne konkurencas. Proponon de S-ro Hildén en tiu senco la Parlamento rifuzis. Diversaj agraranoj, socialdemokratoj kaj la fakestro por publika instruado Prof. Soininen kontraŭe montris, ke estus malutile subteni skismon, kaj ke Esperanto estas vivanta kulturlingvo jam tre disvastigata en la tuta mondo. Fine la Parlamento decidis subvencii nur Esperanton por helpi ĝian plian publikan disvastiĝon.

Ni kore gratulas niajn samideanojn en Finnlando pri tiu granda sukceso, kiu kuraĝigos ilin en ilia admirinda laborado. Jam ilia organo „Esperanta Finnlando“ rapide stariĝis inter la plej bonaj el niaj gazetoj. La diskuto ĉe ilia nacia parlamento montris, ke praktikaj homoj ne volas eternigi teorian lingvan diskutadon, sed preferas helpi al la plej rapida solvo, subtenante Esperanton. Ĉi tiu tendenco montriĝas nun ĉie kaj la diversaj registaroj sekvos la ekzemplon unu post la alia.

Kiel skribis tiel saĝe nia Majstro, la demando jam ne estas pri elekto de lingvo, ĉar la praktiko jam solvis tiun demandon, sed pri oficialigo de Esperanto. Se baldaŭ la Ligo de Nacioj elektus komisionon pri la afero, ĝi sin okupus malpli pri tiu aŭ alia ebla rekomendo al nia Lingva Komitato ol pri la plej bona maniero enkonduki la instruadon de la lingvo en ĉiulandaj lernejoj laŭ farota interŝtata kontrakto.

* * *

Dum tiuj ĉi semajnoj (14 aprilo kaj 31 marto) ni kunmemoras la morton de D-ro Zamenhof kaj de lia sindona sekvinto Hector Hodler. Tra la tuta mondo la Esperantistoj danke repensas al la genia pacienco de nia Majstro kaj al la pionira laborado de ĉiuj niaj karaj mortintoj. Ili ne estas nun inter niaj rangoj por kunĝoji pri la rapidaj sukcesoj de Esperanto dum tiu ĉi jaro, sed ilia inspiro kaj ekzemplo ja montras al ni la vojon.

Nun estas la tempo por ĉiuj el ni oferdoni senmezure sian vivon al la afero, kiun la pioniroj prave nomis „sankta“. Super tiom da malkuraĝigaj novaĵoj, legataj ĉiumatene en la politikaj gazetoj, elstaras ja la antaŭenmarŝo de Esperanto, kiel la unu vere ĝojiga kaj fidiga fakto, kiu nin esperigas pri nova plibona homaro.

*Edmond Privat.*

*Lastahore:* **La tutmonda Konferenco de la Ruĝa Kruco en Genève decidis (7 aprilo 1921) instigi ĉiujn R. K. societojn, ke ili disvastigu la lernadon de Esperanto. Ni raportos pli detale en nia venonta numero.**

 SOCIA VIVO 

## Internacia Labor-Oficejo

(Enketo)

Sur la dekstra bordo de Ĝeneva lago, sur altajo, staras granda domo, kies nomo estas Internacia Oficejo de l' Laboro.

Ĝi naskiĝis sub la persista demando de l' laborista klaso. Jam en 1916 la Sindikata Konferenco en Leeds petis kreon de Internacia Labora Komisiono por „kontroli realigon de leĝoj pri sociaj asekuroj, migrado, laborhoroj, higieno kaj protekto kontraŭ akcidentoj. La sama konferenco postulis Internacian Oficejon de l' Laboro por kunordigi kaj malfermi enketojn, studadojn kaj centrigi statistikojn pri laboraj vivkondiĉoj. En 1917, Stockholma Konferenco aprobis tion, kaj en 1917 tiu de Bern postulis eĉ Internacian Laboran Konstitucion, realigita per Internacia Oficejo de l' Laboro.

La Paca Konferenco de Versailles estis do devigata krei la XIIIan parton de la Paca Kontrakto, rilate Laboro. La Paca Kontrakto proklamas, ke „la komuna paco povas esti starigita nur sur grundo de la justeco socia kaj humaneco". Por tio oni kreis la Internacian Oficejon de l' Laboro en Ĝenevo.

La rolo de tiu Oficejo estas duobla: Unue, ĝi devas zorgi pri voĉdonado, enkonduko kaj realigo en ĉiuj landoj de Internacia Labora Leĝaro, kiu, komprenebIe, povas malsimili en diversaj landoj laŭ iliaj kutimoj kaj moroj, sed havanta samajn principojn kreitajn per la I. O. L. Tiel, oni evitus nelojalajn konkurencojn, kaj progresemaj landoj povus antaŭiri ne estante ĉiam malhelpataj de tiuj, kiuj ekspluatas sian laboristaron. Aliparte, la Oficejo devas, per siaj enketoj, pristudoj kaj propagandoj, plibonigi ĉie laboran vivkondiĉon kaj igi laboristojn liberaj homoj, pensemaj, instruitaj kaj feliĉaj. Ĝi devas do helpi konstrui novan superan civilizadon, garantianta ĉiaman pacon.

La funkciado de Internacia Oficejo de l' Laboro estas pli demokrata ol tiu de la Ligo de Nacioj. Oni konvokas, almenaŭ unufoje jare, Ĝeneralan Konferencon de ĉiuj partoprenantaj landoj, kies nombro estas nun 48. Mankas nur el grandaj nacioj Usono, ne subskribinta ankaŭ Pacan Kontrakton, kaj Rusio, estanta en revolucio. Ĉiuj landoj, grandaj kaj malgrandaj, havas samajn rajtojn. Ĉiu el ili estas reprezentata de du registaraj kaj po unu mastra kaj laborista delegitoj, kiuj voĉdonas laŭvole. Tiel laboristoj povas voĉdoni kun laboristoj kaj mastroj kun mastroj de ĉiuj nacioj.

Tiu ĉi „Sociala Parlamento" ne posedas ankoraŭ rajton eldoni leĝojn, ĉar ĉiu lando defendas sian sendependencon, sed Laboraj Konferencoj de I. O. L. ellaboras leĝ-proponojn kaj projektojn, kiuj, akceptitaj de registaroj, fariĝas bazo de naciaj leĝoj.

Ĝis nun okazis du konferencoj. Unu en Washington en 1919, kiu ellaboris interalie ses leĝ-proponojn, nome: pri okhora labortago kaj 48-hora laborsemajno; pri laborutiligo de virinoj antaŭ kaj post akuŝo; pri minimuma aĝo de infanoj okupitaj en industrio (14 jaroj); pri senlaboreco kaj pri nokta infana laboro. La Ĝenova Konferenco, kiu okazis en 1920, okupis sin speciale pri maraj kaj maristaj demandoj, kaj la tria konferenco, kunsidonta en Ĝenevo en oktobro proksima, pristudos precipe vivkondiĉojn de l' agrikultura laboristaro.

Ĉiu lando devas, dum unu jaro, submeti al sia parlamento leĝ-proponojn, balotitaj de la konferencoj de I. O. L. La parlamentoj ne estas tamen devigitaj, akcepti tiujn ĉi leĝproponojn, sed ili devas aŭdi popolan opinion. En la okazo se la registaroj ne submetus al siaj parlamentoj leĝ-proponojn, aŭ se ili ne observus bonfunkciadon de akceptitaj leĝoj — tiam la I. O. L. povas, per siaj Enketaj Komisionoj kaj Supera Internacia Juĝejo, laŭ Kontrakto de la Ligo de Nacioj, uzi kontraŭ ili ekonomiajn punojn, kiel rifuzo de pasportoj, de komercaĵoj, blokado, k. t. p.

Nun I. O. L. laboras tre aktive; pli ol 200 personoj — oficistoj kaj delegitoj — estas okupataj, sub la sperta gvidado de sia direktoro Albert Thomas, franca reformista socialisto kaj deputato, pri serĉado de informoj — ekonomiaj, socialaj, laboraj, kooperativaj, industriaj, k. t. p. — el ĉiuj landoj, pri sendo de enketoj en diversaj landoj (ekzemple en Hungario, Jugoslavio), pri nomigo de komisionoj de specialistoj, demandataj ofte de la Ligo de Nacioj por solvi tiun aŭ alian diskuteblajn naciajn aŭ internaciajn demandojn. Mallongvorte, I. O. L. celas plibonigon, per Internacia Sociala Leĝaro, de la vivo de la laboristaro kaj forigon de socialaj konfliktoj.

La I. O. L., tiu „Sociala Parlamento", estas fako de la Ligo de Nacioj, de kiu ĝi ricevas buĝeton de 9 milionoj frankoj jare. Sed ĝi, kiel Ligo de Nacioj kaj ĉiuj internaciaj organizaĵoj, bezonas unu solan koron, unu solan lingvon — Esperanto[1] — por konigi siajn ideojn tra la mondo, celante kreon de pli bona, feliĉa kaj justa estonteco.

*Nik. F. Nikolaev.*

## Religia Ligo de Nacioj[2]

Espereble la nuna komuna mizero fine instruos la naciojn, kion ili estus devintaj lerni jam delonge el religio kaj etiko, nome: ke la homoj de ĉiuj landoj devas mediti pri komuna agado je grandaj sociaj problemoj, pri pacema frateca kunlaborado kaj kuncelado. Politika unuiĝo, tute sole, ne povas atingi tion, ankaŭ ne la politika ligo de nacioj, kiu nun ekestas. Ĉu ĝi efektive realiĝos? Ĉu ĝi alportos denove ŝtatan egoismon de kelkaj popoloj aŭ realan justecon kaj reciprokan akceladon por ĉiuj nacioj kaj grupoj de la tuthomaro? Eĉ se ĝi sincere dezirus la justecon por ĉiuj, ĉu ĝi havas per si mem la potencon efektivigi sian celon?

Organizaĵoj, leĝoj, decidoj, debatoj estas senpotencaj, se ili ne estas portataj per la vekita konscienco de la popolo, per la vigla intereso de la multaroj, per la forta volado de la nacioj. Sed kiu estas pli kapabla efiki ĉi tiun vekadon de la konscienco, de la intereso kaj volo en la publiko ol la unuiĝoj kaj organizaĵoj, kiuj precipe devas aŭ devus sin okupi pri la vekado de la konsciencoj kaj la formado de la voloj rilate al gravaj moralaj problemoj, nome: la eklezioj, la religiaj grupoj kaj komunumoj kaj ties reprezentantoj kaj gvidantoj?

Sekve de ĉi tiu ekkono, oni jam faris plurajn gravajn provojn alproksimigi la kristanajn societojn de la diversaj landoj unu al la alia kaj mediti pri komunaj problemoj kaj komuna agado. Kaj ĵus skribis al mi la ĉiam agema kaj antaŭvida sveda arkepiskopo D-ro Söderblom, ke li estas okupiĝanta aranĝi en tiu ĉi jaro tutmondan konferencon, eĉ tutmondan eklezian konsiliĝon, kiu estas akcelonta ĉi tiun benplenan interrilaton kaj kunlaboradon de grandaj ekleziaj grupoj en la plej diversaj landoj. Ni deziras al ĉi tiu intenco la plej bonan sukceson, kaj ni esperas multe pri tio. Sed samtempe niaj rigardoj estas direktataj pli malproksimen.

La vastegaj komunaj problemoj de la tuta kulturhomaro senvualiĝas antaŭ niaj okuloj. En ĝi la kristana parto certe estas plej grava, kaj ĝia unuiĝo estas la unua postulo. Sed tamen ĝi neniel estas la tuthomaro, ĉar ĝi ne enfermas grandegajn grupojn de tre alta valoro por la mondo kaj

[1] Mi petas Esp. kaj nacian gazetaron, represi tute aŭ parte tiun ĉi enketon kaj sendi al mi numerojn, por pruvi al I. O. L. la utilecon de nia lingvo. — N. F. N., 2, rue Saint-Léger, Genève.

[2] Tiu ĉi artikolo tuŝas problemon, kiu plej interesis Zamenhof. — (*Red.*)

ĝuste tiajn, por kiuj la religiaj organizajoj kaj ties influo havas ankoraŭ pli fortan valoron ol por la kristana parto de la homaro. Ni citas unue la grandajn amasojn de la islamo, kiuj fariĝas ĉiutage pli gravaj. Kiel grava la islamo estas jam nun! Kaj baldaŭ ĝi fariĝos ankoraŭ pli grava por la kunlaborado de la tuta homaro. La tuta islama mondo de la plej malproksima oriento estas altgrade penetrita kaj facile influebla per sia religia organizaĵo kaj per siaj gvidantoj.

Ni citas la judaron de la diversaj nacioj. Ni citas la tricent milionojn da hindoj, kiuj parte kiel mahometanoj, parte kiel brahmanoj, profunde traigitaj per religio, en sennombraj grupoj kaj sektoj staras sub forta religia gvidado kaj influo. Ni citas la nove fortiĝintajn ekleziojn de Budha kaj la Ŝinto-grupojn en Japanio. Jam plurajn jarojn antaŭ la milito episkopoj de la budhaj eklezioj en Japanio estis farintaj per skribaĵo al la ekleziuloj de la okcidento la provon interrilati por komuna agado en moralaj tuthomaraj aferoj. Ni citas la milojn da budhaj pastroj, abatoj kaj gvidantoj en Hindio, Tibetio, Ĉinio, Mongolio kaj Mandĉurio, en Siberio kaj eĉ en okcidenta Rusio. Nature ni ankaŭ citas la unuiĝojn, kiuj — ne dependante de organizita religio — celas la flegadon de morala kulturo interne de unuopaj popoloj.

Ĉu estas neeble interrilati ĉi tiujn religiajn grupojn de la mondo kaj produkti inter ili komunan volon pri moralaj-praktikaj, kolektivaj homaj celoj, kiujn hodiaŭ ĉiuj ekkonas kiel siajn proprajn, almenaŭ en la teorio. Unufoje oni jam sukcesis unuigi ĉiujn aŭ preskaŭ ĉiujn al kolektiva agado, nome en la komuna religia kongreso okaze de la mondekspozicio en Chikago. Certe, tio ja nur estis malgranda sukceso. Sed tamen estas io tre grava vidi ĉi tie sur publika scenejo unuigita ĉion, kion tiel ofte neunuigeble kontraŭstaris en la vivo. Hodiaŭ la temo estas io pli urĝa kaj pli deviga ol bezonoj pri ekspozicioj kaj memreprezentado.

Pli grava ankoraŭ estis provo de „konferenco por laboro kaj religio“, farita en septembro 1919 en Londono ĉe Browning-Hall. Delegitoj el Anglio, Ameriko, Svedio, Norvegio, Danio, Finnlando, Belgio, Italio, Grekio kaj Hindio kunvenis, reprezentantoj de la plej diferencaj religiaj grupoj, el ili ankaŭ delegitoj de la Brahmaismo, kiel Wadia, la laboristo-gvidanto en Madras. Kaj la komuna tuthomara afero pri la interrilateco inter religio kaj laboristaro estis priparolata en vere universala maniero.

Oni pripensu kiel gravege estus, se eble ĉiun trian jaron gvidantaj kaj influaj reprezentantoj kaj delegitoj de ĉiuj eklezioj en la mondo publike kunvenus por komune pritrakti la tuthomarajn aferojn, se ili persone reprezentus la unuiĝan tuthomarecon kaj ĉiam denove alportus hejmen la pligrandigitan voladon krei societon de la tuta homaro. Tiamaniere povus estiĝi iom post iom per si mem forumo por diskuti — nedependante de diplomataj bataloj kaj konsideroj — la vidpunktojn pri publika kaj internacia moraleco, la socialajn kaj kulturajn demandojn, koncernante ĉiujn popolojn, la neeviteblajn kontrastojn inter la nacioj kaj la rimedojn egaligi ilin, la diversajn demandojn pri laboristoj, virinoj kaj rasoj, la sennombrajn aferojn, kiuj estas enigotaj en la konsciencojn de la popoloj antaŭ ol ili povas fariĝi interpopola rajto. Tiel estiĝus natura apelacia kortumo por premataj malplimultoj, popolaj grupoj, nacietoj, kiuj povus ĉi tie postuli sian rajton, se internacia ligo rifuzis atenti pri ĝi. La rajtoj de tia forumo estus tre malmultaj, sed ĝia morala impreso povus esti fortega, precipe tiam, kiam ĉiuj eklezioj delegus siajn plej kapablajn virojn kaj la plej bonajn fortulojn.

*Prof. Rudolf Otto.*

Trad.: *O. Rieck.*[1]

[1] La samideanoj estas petataj tuj traduki la supran artikolon, publikigi ĝin en la naciaj gazetoj kaj sendi specimenojn al S-ro O Rieck, Wolgasterstrasse 38 b, en Greifswald (Germ.), por ke la iniciatintoj vidinte la sukceson elektu Esperanton!

## TRAVIVAĴOJ

# Ĉaso je krokodiloj

Samideano loĝanta en Soerabaia (Ned. Hindio) rakontas jenan sian sperton.

„. . . Lastfoje mi faris ĉason je krokodiloj. Per aŭtomobiloj kaj armitaj per pafiloj ni veturis al rivero, distanca 20 kilometroj de Soerabaia. Tie ni dungis enlandan ĉasiston kun remistoj kaj enlanda boato.

En la antaŭo ni instalis lumĵetilon turneblan en ĉiujn direktojn. Dum la ekfalo de la nokto ni ekveturis. Mistera estas tia nokto sub tropika ĉielo. Ĉie regas silento. Nigra kaj senbrue la akvo fluas al la maro.

De tempo al tempo ni preteriras arbojn, kiuj estas dense kovritaj de fajromuŝoj, kiuj de malproksime faras la impreson de ŝvebantaj kandeloj. Senbrue nia boato glitas tra la akvo. Antaŭ ĝi, forta hela lumfasko krozas laŭlonge la bordojn. Aŭtomate la remilojn iras supren — malsupren — seninterrompe kaj senbrue. Ĉio ŝajnas mistera. La siluetoj de la silentaj remistoj — la senmova figuro de la indiĝeno manipulanta la lumĵetilon — estas kvazaŭ ne plu ekzistas io krom ni.

Subite iu tuŝas mian brakon. „Toean lihat!“ („Sinjoro vidu!“) La lumfasko staras senmove.

De malproksime mi ekvidas du flavajn radiantajn punktojn. „Disana ada batjol“ („Tie estas krokodilo“) li flustras en mian orelon.

La atento estas streĉita ĝis ekstremo.

Tre singarde la remistoj direktas la „prahoe“ gvidataj per manmovoj de la piloto. Malrapide kaj senbrue ni proksimiĝas. Kvindek metrojn — kvardek — tridek — pli kaj pli mi povas distingi la beston. La flavaj punktoj estas ĝiaj okuloj, en kiuj la lumĵetilo ĵetas siajn radiojn.

Plue mi rimarkas la buŝon kaj la nazon, la resto de la korpo kuŝas sub la akvo.

Ok metrojn — la boato jam haltas. La besto kuŝas kvazaŭ hipnotizita. Mia amiko levas la pafilon — celas akurate — subite akra pafo sonas tra la nokto sekvata de granda bruo en la akvo. Gutoj de akvo saltas en nian boaton, sed jam la indiĝenoj sin preparas kapti la beston. Per bastono je kies fino estas fiksita movebla nodo, kiun ili ŝovas ĉirkaŭ la kapon ili trenas la beston en la boaton. Poste ili metas ŝnuron ĉirkaŭ ĝia buŝo, fiksas per ŝnuro la malantaŭajn piedojn sur la dorso, kaj la monstro estas senfortigita.

Ĝi havis longecon je unu metro kaj okdek centimetroj. Ree ni ekveturis kaj jam baldaŭ ni rimarkis denove tiujn flavajn punktojn.

„Itoe ada ketjil, toean“ (tiu estas eta, sinjoro“), diras remisto. „Back“, mi respondas (bone), „saja mave pake itoe sendiri“ („mi volas ĝin kapti mem“). „Sama snaphan, toean?“ („per pafilo, sinjoro?“) „Fida sama tanga“ („ne per la mano“). La indiĝeno rigardas min kvazaŭ fenomeno. Intertempe la boato jam estas proksima. Klare mi povas observi la sablon kaj la beston entute, hele lumigata de la lumĵetilo. Mi klinas min super la bordo de la boato, taksas la distancon — kaj per rapidega manmovo mi kaptas la beston ĉirkaŭ la kolon.

Vane ĝi klopodas sin liberigi kaj furioze movas la makzelon, sed kelkaj ŝnuroj faras ĝin ankaŭ senfortan.

Sekvonta fojon ni revenos tien, ĉar laŭ komunikoj de la indiĝenoj tie devas esti besto, granda proksimume 5 metrojn. Tiu malgranda besto havas longecon je 48 centimetroj kaj nun naĝas en akvujo ĉe mia domo.

 LITERATURO 

## EL LA BULGARA LITERATURO

# Ĉe la riverpasejo

De **Canko B. Cerkovski**

Canko B. Cerkovski, bulgara popol-kampa prikantisto, nun ministro. Pli konataj ol liaj rakontoj estas liaj versaĵoj, verkataj laŭ la spirito de l' popola poezio.

Zlatko turnis la rigardon ankoraŭ foje al la ŝafaro dissemita sur la herboriĉa kampo kaj forte puŝis sian grandan azenon sur la dekliva vojeto. Malsupre, sub la arbaro mem, li turnis la kapon, insultis la du bukloharajn hundojn, kiuj postkuris lin kaj malrajdis la ĉevalon por ĝustlokigi sian fleksitan kovroveston.

— Haltu, grandulo!... Vi sufiĉe marŝos! — parolis li al la azeno, kiu, persekutata de koleraj muŝoj, malpacience piedfrapis kaj sopiris marŝi.

— Vi sufiĉe marŝos — ripetadis li kaj ĝin frapetinte sur la glata dorso, ĵetis sin sur ĝin kaj ekflugis rapide sur la ebena vojeto, klinita al rivero.

Ĉirkaŭ li estis trankvile. La vespera krepusko facile vualis la malaltan apudriveraĵon dronintan en sukaj printempaj herboj. El la arbaro blovis malvarmeto, saturita je odoro de arbarfloroj. El apud la longeca marĉo, kuŝinta en la arbarpiedo mem, alflugis raŭka kvakado de sovaĝaj anasoj kaj blankaj kropaj ardeoj. El la riverpasejo venis aliaj voĉoj, kiuj nekapteble malaperis en ĉiam plifortiĝantan bruadon de l' rivero.

Zlatko silentiĝis la spiron kaj aŭskultis al tiuj malproksimaj voĉoj. Liaj okuloj viviĝis, kaj li forte puŝis la azenon al la rivero. Minuton — kaj li sin trovis super ĝia bordo mem. Tra la branĉoj de la pendantaj salikoj ĝi aspektis malklara kaj disverŝita kvazaŭ ĝis senfino inter siaj ambaŭ grajnemaj bordoj. Malproksime post ĝi eĥis laŭtaj ridoj de malfruiĝintaj fosistinoj, jam sukcesintaj ĝin trapasi. Zlatko rapidis ilin atingi. Sur la bordo li forte elfajfis per la buŝo, ĝoje ekkriis kaj direktis la azenon sur la deklivan vojeton al la riverpasejo.

Meze de la riverpasejo marŝis, kun baskoj suprenfalditaj super la genuoj, bela knabino. Ŝi paŝis malrapide meze de la malklaraj ondoj kaj honteme levis kaj premis de flankoj siajn blankajn baskojn.

Zlatko ektremis. Li puŝis rapide la azenon al ŝi kaj, ankoraŭ ne atinginta, elkiris:

— Rumjana!... Jen, a-a-a... ci ja dronos, ci![1]

Rumjana turnis okulojn, kaj ekvidinte Zlatkon, ŝi mallevis la baskojn ĝis la akvo mem kaj ekridetis ne aŭdante pro la bruo de la ondoj, kion li diras al ŝi.

— Ci dronos, kaj mi ploros pro ci - diris gaje Zlatko, fiksinta la okulojn al ŝiaj senvestaj blankaj piedoj.

Rumjana fiksis honteme la okulojn al Zlatko kaj ne plenkompreninta liajn vortojn, ŝi marŝis ĉiam tiel timeme antaŭen.

— Vidu, vidu, ŝanĉon! — Kiel ĝi ja okazis meze de la akvo? ripetadis Zlatko ridanta ĝis la oreloj.

Kaj poste, alproksimiĝinte al ŝi, li elkrietis gaje kaj manetendis por rabi ŝian floron.

— A-a-a, Zlatko! — sin retiris Rumjana.

— Rumjana! ... Mi ŝafaron forlasis pro ci, kaj ci...

— Forlasis?.. Paciencu nun — diris Rumjana kaj, rigardante honteme ĉirkaŭen, ŝi aldonis: ĉu ci ne scias, Zlatko, ke kion oni super akvo donas, akvo ĝin forportas...

— Ĉu akvo?... Hej, Rumjano, eĉ el la maro mi eltirus vian floron, — elkriis Zlatko kaj manetendis denove, forrabis la floron kaj puŝis la azenon antaŭen tra la malklaraj riverondoj.

Rumjana haltis, malafabligis ŝajnige la brovojn kaj ekmarŝis denove, fiksrigardanta Zlatkon. La akvo fariĝis ĉiam pli profunda.

[1] En la bulgaraj vilaĝoj kutime ĉiuj sin alparolas per „ci".

Blankaj buloj de bolanta ŝaŭmo, miksita kun malgranda naĝvegetaĵaro, rapide flugis antaŭ la okuloj de Rumjana kaj incite tiklis ŝiajn nudajn piedojn. Ŝi rigardis tiun bolantan ŝaŭmon, rigardis la rapide sinĵetantajn ondojn, kaj ia mistera timo fleksigis ŝian koron kaj ŝin najlis meze de l' akvo.

— Dio, Zlatko, kiel timema mi fariĝis! — murmuris ŝi enrigardante timeme la ondojn.

Zlatko ne aŭdis. Li kondukis antaŭen, ridis kaj krietis gaje, transportita en revoj, kiuj kvazaŭ nun eliris el la ondoj kaj freneze lin ĉirkaŭkaptis.

Rumjana nevole fermis la okulojn kaj ekmarŝis denove en la ondoj, kiuj nun ŝin atingis alte super la genuojn. Post kelkaj paŝoj ŝi denove haltis, klininta senhelpe la kapon kaj roziĝinta pro maltrankvileco. Stariĝinta tiel inter la bolantaj ondoj, kun levitaj baskoj kaj kun la milda hareto flirtigata de l' vespera venteto, ŝi similis al marvirineto, elirinta el la riverondoj por iom spiri freŝan aeron kaj ĝui la agrablan vesperan malvarmeton.

Zlatko okaze turnis la rigardon kaj restis frapita de la bildo. En lia paŝtista brusto ektremis io kara, io nesentita ĝis tiam. Li enpensiĝis pri la ĉarma marvirineto, kiu staris ĉiam tiel kun klinita kapo kaj rigardis per karaj, petantaj okuloj al li.

— Zlatko... Diĉjo, kiel timema mi fariĝis! — elmurmuris ŝi, hontigita de sia timo fari paŝon antaŭen.

Zlatko staris ĉiam tiel enpensiĝinta.

— Zlatko, Diĉjo!... Mi svenas, Zlatko... Jen, mi ne povas! — elkriis nun pli forte Rumjana kaj kovris la okulojn hontigite.

— Ci ne povas? — tremis, kvazaŭ vekita de dormo, Zlatko.

— Mi ne povas... jen mi ne povas, — devige ridetis Rumjana.

Zlatko aŭdis duafoje la tremantan Rumjanan voĉon, vidis ŝiajn petantajn okulojn kaj, turninte rapide malantaŭen, ekflugis kiel sago al ŝi. Momenton, kaj li kaptis ŝin tra la dorso kaj kiel malpezan plumeton ŝin metis antaŭen sur la azenon.

Rumjana elkriis, premis sin forte ĉe Zlatko kaj fermis la okulojn por ne rigardi. Zlatko kondukis flughava, sentante la fortan tuŝon de l' fleksebla Rumjana talio kaj de ŝia milda kapeto, forte gluita al lia brusto. Li premis al si tiun belan kapeton, premis ĝin freneze. Baldaŭ la ondoj kvietiĝis, la fino videbliĝis proksime, kaj la azeno eliris tute malsekigita kaj ekfrapis per siaj fortaj hufoj sur la etajn apudriverajn ŝtonojn.

Rumjana rapide malvolvis la manon de la Zlatka ŝultro kaj levinte la kapon, fiksis la nigrajn okulojn en la liajn kaj timeme ekpendigis la kruron por malsupreniri.

Zlatko ekflamis. Tiuj ĉi okuloj, kiuj rigardis nun kun tia delikateco al li, kvazaŭ ili fandis lian tutan paŝtistan krudecon, kaj li sentis sin mildigita. Kaj ankoraŭ ne kompreninta kio okazas kun li, li en lasta vira tremo, premis forte al si Rumjanan kaj sufoke tramurmuris: — Rumjana, ĉu ci malŝuldiĝos nun al mi?...

— Ah, Zlatko, kredu Dion, mi malŝuldiĝos al ci... fratine mi malŝuldiĝos al ci! — ekparolis Rumjana, fiksinta al li ĉiam tiel soife la nigrajn okulojn.

— Ne fratine, Rumjana...

Rumjana ridetis, klinis la kapon al li kaj mallaŭte diris:

— Kiel ci volas, Zlatko.

— Kiel mi volas?... kaj mi volas unu kison, Rumjana... Tiel, de cia bona volo, ke ci min kisu, mi volas.

Rumjana silentiĝis...

— Tiel de cia bona volo, Rumjana...

— De mia bona volo... Diĉjo!... tramurmuris Rumjana kaj levinte rapide la kapon, momente ŝi volvis la maldekstran manon ĉirkaŭ la Zlatkan kolon kaj entrinkigis la rozajn lipojn en la liajn. Kaj poste ŝi rapide ekpendigis la piedojn kaj saltis kiel kapreolo de la besto kaj ekkuris sur la vojo al la vilaĝo.

— Rumjana!...

Nenia voĉo.

La riverpasejo bruegis soleca inter ambaŭ surpendantaj bordoj; la ondoj sin turnis ĉiam pli ŝaŭmantaj kaj perdiĝis malsupren en la malhelon, jam delonge kovrinta la malaltan apudriveraĵon. Zlatko enrigardis sin en tiun malhelon; li enaŭskultis sin en la bruegadon de l' ondoj, denove puŝis la azenon tra la soleca valo laŭ la postsignoj de Rumjana. Baldaŭ en la mallumo ie eĥis kanto, aŭdiĝis laŭta knabina rido kaj ĉio denove silentiĝis.

Trad.: *Iv. H. Krestanov.*

# Teatra kritikisto

De **Borjo Zevzeka**

Borjo Zevzeka estas la pseŭdonimo de la fama bulgara humoristo Boris Rumenov. Liaj spritaĵoj estas ĉie konataj en Bulgario. Li mem verkis, deklamis kaj ludis sur la scenejoj de preskaŭ ĉiuj urboj kaj urbetoj. Ĉefredaktanto de la humorplena semajna gazeto „Baraban" (Tamburo), li estas aŭtoro de la „Balkana Komedio" kaj diversaj aliaj verkoj.

Ganĉo decidis famiĝi kaj famiĝi kiel inteligentulo. Plej facila rimedo por atingi la celon ŝajnis al li — verki en iu ĵurnalo teatromuzikan recenzon, tial ke Ganĉo bone komprenis, ke por tiu ĉi laboro estas necesa nek multe da saĝo, nek ia kompreno. Sufiĉas ĉeesti la prezentadon de iu opero aŭ opereto kaj post tio sidiĝi kaj skribi tie ion pri la teatraĵo kaj ĝiaj aktoroj kaj — preta Kompreneble, ju pli malfavora estos lia opinio pri la indecoj kaj la plenumo de la teatraĵo, des pli inteligenta li aspektos. Tiom pli, ke Ganĉo ne estis tute sen muzika erudicio: jam junulo li tutajn horojn sinforgese kaj kun granda miro aŭskultis kiel lia avo lerte ludis je popolmandolino. Eĉ Ganĉo mem, ricevinte donace la mandolinon, komencis lerni tiun malfacilan instrumenton, kaj eĉ faris al si repertuaron de „Ho ci, floro kariofilo" kaj „Teksis Donka antaŭtukojn". Sed baldaŭ tedis al li kaj post jaro la mandolino servis por prepari en ĝi la supon de la porko.

Vere li neniam aŭdis operon kaj ne kuraĝis ĉeesti, antaŭvidante, ke li terure enuos kaj nepre ekdormos, kaj oni lin konsideros kiel neinteligenta . . . .

Kaj tiel Ganĉo decidis, akiri la liberan karton de ĉiutaga gazeto kaj iris aŭskulti opereton. Malfeliĉe por la teatro kaj la aktoroj, Ganĉo ne trafis iun el la famaj kaj por ĉiu kompreneblaj operetoj. La morgaŭan tagon en la ĵurnalo aperis la recenzo:

— „La eksedzigita virino." Ĝi estas unu el la operoj de Leo Kavalo, la sama, kiu verkis la operon „Buĉistoj". Tiu amiko, li pardonu min, tute maltrafis la celon en „La eksedzigita virino". Li sukcesis komponi nenian muzikon, estas eĉ ne unu melodio interne, kaj oni povas lerni nenian kanton. La orkestro estis tute malforta; la kantistoj kantas unu, ĝi ludas alion, aŭ kiam la aktoroj parolas, la orkestro ludas ian valson. Klare estis, ke ili konfuziĝis. La ĥoro kantis tiele, ke nenion oni povis kompreni. La dekoraĵoj estas faritaj el tolo kaj kolorilo. La aktoroj ludis malbone. La aktorino, kiu ludis la eksedzigitan virinon, certe havis malsufiĉan voĉon, ĉar kantante, ŝi de tempo al tempo parolis. La aktoro, kiu ludis kadukan maljunulon, kantis per malforta voĉo. Ni turnas lian atenton fortigi sian voĉon. La komikulo ridigis la publikon. Ankaŭ li kvazaŭ ne havas voĉon por elkanti iun belan arion. — Ganĉo."

Ganĉo ricevis amason da gratuloj.

Trad.: *I. H. K.*

# La unuanimeco

*Malnova fabelo*

La ĉefpastro de paroĥo mortis, kaj oni devis elekti novan anstataŭ la mortinto. Inter la kandidataj predikantoj estis maljuna pastro, kiu interalie flatis la paroĥanojn eĉ per la promeso, ke li ĉiam okazigos tian veteron, kian la paroĥanaro deziros. Unuanime li estis elektita.

Tuj post la investo li kunvokis la pliaĝulojn de la paroĥo, por ke ili kune decidu pri la vetero de kelkaj estontaj tagoj. Unu maljunulo, kies filo intencis vojaĝi al la urbo, proponis, ke oni elektu senpluvecon, kaj paro da aliaj estis partianoj de li. Iuj deziris pluvon, ĉar ĝi estus bezonata por la vegetado. Maljunulo, kies laboristoj plugis la teron, senkondiĉe preferis nuban veteron, por ke ne estu tro varme laborante.

Ĉar la unuanimeco estis neatingebla, la ĉefpastro diris: „Kompreneble mi ne povas okazigi senpluvecon, pluvon kaj nubecon en sama tago. Tial mi devas proponi, ke ni kontentiĝu kun tia vetero, kian Dio promesos."

Laŭ popolrakonto verkis:
*Marthi Putaola.*

# Geedziĝo en Svedio

De **Henry W. Longfellow**[1]

Mi provos priskribi vilaĝan geedziĝon en Svedio. Tio okazu en somera tempo, por ke floroj ne manku en suda provinco, por ke la fianĉino estu bela.

La frua kanto de alaŭdoj kaj kokoj miksiĝis kun la klara matena aero, kaj la suno, la ĉiela fianĉo kun oraj bukloj, leviĝas oriente akurate je la sama tempo, kiam nia tera fianĉo kun blondaj haroj leviĝas sude. En la korto aŭdiĝas la sono de voĉoj kaj de hufoj ekpaŝantaj: ĉevaloj estas elkondukataj kaj selumataj. La virĉevalo, kiu portos la fianĉon, havas fasketon de floroj sur sia frunto kaj girlandeton de cejanoj ĉirkaŭ sia kolo. Amikoj el najbaraj bienoj rajdas en la korton, kaj iliaj bluaj manteloj flirtas en la vento; kaj fine la feliĉa fianĉo kun vipo en la mano, kaj kun granda bukedo sur la jaka brusto eliras el sia ĉambro. Oni surĉevaliĝas kaj forrajdas al la vilaĝo, kie la fianĉino jam sidas atendante.

Fronte rajdas la „parolanto" sekvata de kelke da dekoj de vilaĝaj muzikistoj; poste la fianĉo inter siaj du kondukantoj kaj kvardek ĝis kvindek amikoj kaj edziĝaj gastoj kun pistoloj kaj pafiloj en la mano. Speco de pakaĵveturilo ŝarĝita per manĝaĵoj kaj trinkaĵoj por ĉi tiuj gajaj vojaĝantoj formas la finon. Ĉe la eniro al ĉiu vilaĝo staras triumfa arko ornamita per floroj, rubandoj kaj vinkaj folioj; kaj dum ili pasas sub ĝi, la edziĝo-gastoj ekpafas saluton, kaj la tuta karavano haltas. Tuj el ĉiu poŝo eliĝas pokaleto („black jack") plenigota je punĉo aŭ brando. Ĝi pasas de mano al mano; provizojn oni deprenas de la veturilo, kaj manĝinte, trinkinte kaj hura-kriinte la karavano moviĝas antaŭen kaj fine proksimiĝas al la domo de la fianĉino. Kvar heroldoj rajdas antaŭen por proklami, ke „kavaliro kun sia sekvantaro" estas en la proksima arbaro petante gastiĝon.

„Kiom vi estas?" demandas la patro de la fianĉino.

„Minimume tri cent!" estas la respondo. Kaj al tio la gastiganto rediras:

„Bone! Eĉ se vi estus sepfoje pli multaj, vi ĉiuj estus bonvenaj; kaj je pruvo akceptu ĉi tiun pokalon."

Tiam ĉiu heroldo ricevas pokalon da biero. Tuj poste la tuta bonhumora karavano kvazaŭ atake prenas la bienan korton kaj ĉirkaŭrajdinte la „Majan arbon" starigitan en la mezo, deĉevaliĝas meze de granda saluto kaj muzika bruo.

En la halo sidas la fianĉino kun krono sur la kapo kaj kun larmoj en la okuloj kiel la Virgulino Maria sur antikvaj pentraĵoj preĝejaj. Ŝi estas vestita per ruĝaj korsaĵo kaj jupo kun vastaj tolaj manikoj. Ĉirkaŭ sia talio ŝi havas oran zonon kaj ĉirkaŭ sia kolo ŝnuraron el orsimilaj vitraj perloj kaj oran ĉenon. Sur la krono troviĝas florornamaĵo el kampaj rozoj kaj sub ĝi dua el cipresfolioj. Libere sur ŝiajn ŝultrojn falas la blondaj haroj; siajn senkulpajn okulojn ŝi fiksas teren.

[1] Fama usona poeto de l' XIXa centjaro. La rakonto estas jam tre malnova.

— Ho vi bona estaĵo! Vi havas malmolajn manojn, sed molan koron! Vi estas malriĉa. Eĉ la ornamaĵoj, kiujn vi portas, ne estas la viaj. Oni prenis ilin prunte por tiu ĉi festa tago. Tamen vi estas riĉa; riĉa je sano, riĉa je espero, riĉa je via unua, juna amo ardanta. La ĉielo benu vin!

Tiel *pensas* la loka pastro, dum li kunigas la manojn de la gefianĉoj, *dirante* per sonora, solena voĉo:

„Mi donas al vi ĉi tiun junulinon, por ke ŝi estu en honoro via edzino kaj partoprenu duone je via lito, je viaj seruro kaj ŝlosilo kaj je ĉiu tria groŝo, kiun vi du posedos aŭ heredos kaj je ĉiuj rajtoj, kiujn la leĝoj de la Supera Lando ordonas kaj donis la sankta reĝo Eriko."

Nun komenciĝas la festeno, kaj la fianĉino sidas inter la fianĉo kaj la pastro. La „parolanto" prezentas paroladon laŭ la antikva kutimo de siaj patroj. Li bone intermiksas ĝin per citaĵoj bibliaj kaj invitas la Savinton ĉeesti ĉi tiun geedziĝan feston same kiel iam la geedziĝon en Kanaa en Galileo.

La tablo estas riĉe kovrita, kaj la festo bone progresas. Punĉo kaj brando pasas inter la gastoj, kaj jen kaj tie oni ekfumas pipon atendante la venontan manĝaĵon.

Longtempe ili sidas ĉe la tablo, sed, kiel ĉiuj aferoj tiel ankaŭ sveda festeno finiĝas.

Poste komenciĝas la dancado. Ĝi estas ekgvidata de la fianĉino kaj de la pastro, kiuj prezentas kune solenan menueton. Nur post noktomezo estas la lasta danco. La junulinoj formas rondon ĉirkaŭ la fianĉino, por apartigi ŝin de la edzinigitaj virinoj, kiuj siaflanke penas trarompi la magian rondon kaj kapti sian novan fratinon. Post longa batalo ili sukcesas. Oni deprenas la kronon de ŝia kapo kaj la juvelojn de ŝia kolo; ŝian korsaĵon oni malligas kaj ŝian jupon oni fortiras. Kaj kvazaŭ vestalino, tute blanke vestita ŝi iras ... ne al sia tombo, sed al sia geedza ĉambro. La edziĝogastoj sekvas ŝin kun lumigitaj kandeloj en la manoj.

El la angla originalo trad.: *Zanoni.*

---

# Virina Mano

De **Theodor Storm**

*Mi scias, ke neniu plenda vorto*
*Trans viajn lipojn iam iras,*
*Sed, kion via buŝ' silentas,*
*Ĝin via pala mano diras.*

*La mano, kiun mi rigardas, montras*
*La etan trajton de doloro,*
*Kaj, ke en sendormadaj noktoj*
*Ĝi kuŝis sur malsana koro.*

Trad.: *Walter Lippmann.*

---

# Preĝo

De **Gustav Falke**

*Sinjor', kelkfoje lasu min malsati:*
*Satesto maldiligentigas,*
*Kaj sendu malamikon, por lin bati:*
*Batalo fortojn revigligas.*

*Kaj lasu ĝoji min pri ludo, danco,*
*Flugpov' al malproksimoj belaj.*
*La laŭrokron', por mi plej bela ŝanco,*
*Ĝi pendu en altaĵoj stelaj.*

Trad.: *Walter Lippmann.*

---

# Militkaptito

Orig. de **Julio Baghy**

*Laca sopiro, espero trompita,*
*Rusta liuto, de sorto rompita*
*Kaj eterna disharmoni'*
*Jen estas mi ... jen estas mi!*
*Ŝtelis min ĉiam envio de l' homoj,*
*Sonĝojn detruis vivantaj fantomoj,*
*Tamen fluas rimo post rim'*
*En form' de kanto el anim',*
*Ĉar per dolĉa muziko de poezi'*
*Enterigas l' esperojn mi!*

*Flugas pli silke per rava adoro,*
*Ol papilio de floro al floro*
*Mia tre stranga fantazi'*
*Sur kampo de la iluzi'!*
*Vibras interne ... kaj flirtas kun tremo*
*Formi sin inde por mondo; la temo,*
*Tamen post naskiĝ' la poem'*
*Doloro estas en katen'.*
*La impresojn, inspirojn de l' poetec'*
*Tuj mortigas la realec'!*

*Homo pelata, fremdlande vivanta,*
*Jarojn post jaroj kun ĝemo ploranta,*
*Baraktanta sen suna bril'*
*Jen mi — poeto sen flugil'!*
*Sed se alvenos la lasta vivhoro,*
*Kiam lastfoje ekbatos la koro,*
*Kison enviitan de sort'*
*Kun milda tuŝ' donos la mort'*
*Kaj mi, sklavo de lingvo, en paca dorm'*
*Plu ne pensos pri l' versa form'!*

---

## LIBERAJ PENSOJ

# Kiam finiĝos la milito?

*1e Ĝi, la tutmonda milito finiĝos tiam, kiam la homoj plimalmultiĝos la koleron kaj la timon, kaj plimultiĝos la sindonemon al aliaj homoj.*

*2e Kiam precipe la racio gvidos homojn, sed ne malbonaj kaj koleremaj instinktoj.*

*3e La milito finiĝos, kiam plimalmultiĝos la malamo interklasa kaj internacia.*

*4e Kiam sociaj klasoj, celante siajn interesojn aŭ profitojn, ne forgesos bonforton de sia nacio kaj de homaro.*

*5e Kiam la profitoj de fabrikantoj iros al multobligo de la industrio kaj je la naciaj institucioj aŭ naciaj establoj; kiam la laboristoj ricevos nur proporcie de la produktiveco de sia laboro, kaj kiam la principo de la kooperativismo fakte stariĝos super la principo de la batalo; kiam la terkulturistoj aŭ la agrikulturistoj penetriĝos kaj interniĝos en nacian konscion kaj juste prijuĝos aŭ taksos la laboron de la inteligentulo.*

*6e La tutmonda milito finiĝos, kiam la popoloj plimalmultiĝos sian ŝovinismon kaj sian manion de majesto kaj forgesos sian „elektecon".*

*K. Shakov*, Tarto (Estonio).

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

**31 julio ĝis 6 aŭgusto 1921**

*Sepa Komuniko*

**Kotizaĵo.** — 25 frankoj oro (antaŭmilita valoro) = 5 dolaroj, 12 nederlandaj guldenoj, 20 ŝilingoj, skandinavaj kronoj, germanaj markoj, 25 frankoj, liroj, dinaroj, drakmoj, leonoj b. r., pesetoj, ĉeĥoslovakaj kronoj, aŭstriaj kaj hungaraj kronoj, polaj kaj finaj markoj. Geesperantistoj el la aliaj ŝtatoj pagas *25 francajn frankojn.* Pluaj samfamilianoj pagas nur 60 % de la kotizaĵo. Post la 1 junio altiĝos la kotizaĵo je 50 %.

Ĉiu pagas en sia nuna ŝtata valuto! La sumon sendu en rekomendita letero rekte al la ĝenerala sekretario! La ricevo de la kotizo estos venonte sole en ĉi tiu rubriko kvitota!

Ĝis nun pagis la kotizon la sekvantaj numeroj: 8, 11, 26, 31, 36, 43, 103, 117, 121, 127, 139, 140, 141, 142, 143, 145, 148, 149, 151, 158, 159, 160, 161, 162, 163, 164, 165, 166, 168, 169, 173, 174, 175, 178, 179.

**Aliĝoj.** —

132. S-ro Gančev, Sofia; 133. S-ro Balkanyi, Budapest; 134 kaj 135. Ges-roj Döring, Freiburg; 136. S-ro Rieck, Greifswald; 137. S-ino van Doorne; 138 S-ino de Boer, Rotterdam; 139. S-ro Maschl; 140. S-ino Maschl, Wien; 141. S-ro Mees, Hago; 142 kaj 143. F-inoj M. N. Silbersteckenova, Praha; 144. S-ro Popper, Zilina; 145. S-ro Friedrich, Košice; 146 kaj 147. Ges-roj Maraury, Huesca; 148. S-ino Bünemann; 149. S-ro Bünemann, Hamburg; 150. S-ro Steiner, Györ; 151. S-ro Schrank, Kempten; 152. S-ro Frankenberger, Bytčica; 153. S-ro Faulhaber, Amsterdam; 154 S-ro Kučera, Rakovnik; 155. S-ro Langer; 156. S-ino Langer, Haida; 157. S-ro Ginz, Praha; 158. S-ino Mammen; 159. F-ino Andreasen, Grenaa; 160. S-ro Nosek; 161. S-ro Weinberg; 162 S-ro Pultr, Skrivany; 163. S-ro Camescasse, Paris; 164 kaj 165. S-roj A. O. Janečkové, Vitkovice; 166. S-ro Romein, Drumpt; 167. S-ro Pour, Prelouč; 168. Oficiala delegito de Esperantista Itala Federacio, Milano; 169. S-ro Oulehla, Skrivany; 170. S-ro Kawecki, Danzig; 171. F-ino Začkova; 172. S-ro Zednik, Berlin; 173. S-ro Bittner, Zábreh; 174 S-ro Chaler, Tarrasa; 175. S-ro Jaroš, Mistek; 176. S-ino Figuieres, Alger; 177. F-ino van Doorne, Rotterdam; 178. S-ro Alonso Sanz; 179. S-ino Alonso, Madrid.

Ĝis nun aliĝis jenaj nombroj de samideanoj: el Ĉeĥoslovakio 82, Germanio 23, Nederlando 23, Francio 12, Polio 10, Hispanio 8, Bulgario 5, Aŭstrio 4, Hungario 3, Italio 3, Danio 2, Svisio, Svedio, Danzig, Alĝerio po 1.

**Garantia fundo.** — 4. S-ro Döring el Freiburg 100 Kĉ.; 5. S-ro Bruijn, Hago 500 Kĉ.; 6. S-ro Faulhaber, Amsterdam, kaj 7. S-ro van Doorne, Rotterdam, po 100 Kĉ. Gesamideanoj garantiu almenaŭ 100 Kĉ.!

**Donacoj.** — S-ino Mammen el Grenaa kun siaj skoltaj lernantoj ankoraŭ 113 Kĉ.; S-ro Jung, Horrem 30 Kĉ.; S-ro Friedrich, Košice 400 Kĉ.; skolto Larsen, Grenaa 3 Kĉ.; S-ro Riedl, Jilemnice 25 Kĉ.; S-ro Bünemann, Hamburg 8 M.; S-ro Ŝimonek, Chicago 1000 Kĉ. Venonte sole en tiu rubriko oni dankeme kvitancos la donacojn!

**Kongresa kaso.** — 62 K. 67 h. enspezo por donacitaj 50 ekzempleroj de la 22-a numero (bildoj pri Praha) de „Esperanto Triumfonta".

**Deponita mono** ĉe la banko „Bohemia" en Praha: 1. F-ino Beukema 200 K.; 2. S-ro Krestanoff 41 K. 50 h.; 3. S-ro Bruijn 2000 K.; 4. S-ro Döring 100 K.; 5. S-ro Balkanyi 360 K.

**Prezoj (hodiaŭaj) en Praha:** *I. De la hotelĉambroj:* 1-a kategorio: *a)* unulita 10—37 K.; *b)* dua provizora lito 10—20 K.; *c)* dulita 25—77 K. 2-a kategorio: *a)* 10—29 K.; *b)* 10 K.; *c)* 26 ĝis 50 K.

Oni intencas prizorgi ankaŭ loĝadon en privataj familioj kaj komunaj loĝejoj (por neriĉaj Esperantistoj). Notu viajn tiurilatajn dezirojn en la de la Loka Kongresa Komitato sendota aliĝilo!

*II. De la manĝaĵoj:* 1-a kategorio: *a)* matenmanĝo (kafo aŭ teo kun butero aŭ kompoto, pano aŭ bulko) 10—15 K.; *b)* tagmanĝo (inter la 12—2 h. posttagmeze) laŭ karto (buljono, fiŝo aŭ bovajo, rostaĵo kun farunbuloj aŭ terpomoj, farunaĵo) 45—75 K.; *c)* vespermanĝo laŭ karto (antaŭmanĝo kaj rostaĵo) 25—65 K.; 2-a kategorio: *a)* 5—7 K.; *b)* 33—37 K.; *c)* 25 K.

Krom tio trinkmono almenaŭ 10 %.

*En restoracioj bonaj tag- kaj vespermanĝoj po 10—20 K.!* Tre bongustaj kaj malkaraj estas la kolbasetoj kaj ŝinko de Praha. Biero, ⅓, 1 K. 30 h. ĝis 2 K. 30 h.

**Vojaĝaferoj.** — Informojn donas: „Čs. Čestovni a dopravni Kancelař", Milenlandska 7, Praha II. La VIII-a komuniko donos prezojn de la biletoj por ĉiuj pligravaj fervojlinioj al Praha!

**Glumarkoj oficialaj** (3 malsamaj specoj dukoloraj) ĵus aperis 1 peco = 10 helerojn, 100 pecoj = 9 Kĉ. (kun afranko 10 Kĉ.); por eksterlando: 100 pecoj = 3 francajn frankojn aŭ egalvaloran valuton, sendotan en rekomendita letero. Mendadu rapide!

**Korespondado.** — Gesamideanoj! Legu atente la ĝisnunajn oficialajn komunikojn! Ne demandu pri la komunikitaĵoj! Ne malriĉigu la kongresan kason forgesante aldoni por respondo aŭ respondkuponon aŭ afrankon en neu·itaj naciaj poŝtmarkoj! Demandu sole pri aferoj rilatantaj al la XIII!

Por la Loka Kongresa Komitato:
*August Pitlík*, ĝenerala sekretario,
*Praha III*, Nerudova 40.

---

## ANONCITAJ KONGRESOJ

### Postkongreso 1921

Kongresanoj, kiuj intencas partopreni la postkongreson en Budapest, tuj post la Praha, bonvolu jam nun skribi al sekretario A. Laquer, VII., Király u. 57. II., Budapest. La jam aliĝantajn eksterlandanojn ni kore salutas kaj sciigas, ke de Praha estos aparta karavano al Budapest, kie la kongreso daŭros tri tagojn. Por helpi nin sendu tri monunuojn de via lando, kiel aliĝpago! Ni petas la aranĝantojn de aliaj postkongresaj ekskursoj, interrilati kun ni, ke ni povu partopreni ankaŭ iliajn post la nia!

*Prepara komitato de la postkongreso en Budapest 1921.*

### 12a Brita Esperanta Kongreso

*Harrogate 14—17 majo*

Krom la kongreso okazos fakaj kunvenoj de framasonoj; anoj de UEA; Praha-Kongresontoj; Brita Literatura kaj Debata Societo. Okazos komuna tagmanĝo (4/6 ŝ.) kaj aŭtomobila ekskurso al Fountain's Abbey (6/-ŝ). Oni petu aliĝilon de la sekretario: S-ro J. T. Holmes, Roundwood Grange, Baildon, Shipley. Aperis bela gvidlibro de Harrogate kun amuzaj siluetoj.

### Deka belga kongreso de Esperanto

La Xa Belga Kongreso de Esperanto okazos en Liège la 15—16 majo (Pentekosto). La lokaj organizantoj aranĝas plej allogan programon, kiun igos ankoraŭ pli interesa la partopreno de la fama knaba ĥoro „Pomilly Boy's Choir" el Barry (Britio). Plie, la bela kongresurbo Liège, lokita en la plej pentrinda valo de la „Meuse" incitos ĉiujn belgajn kaj najbarlandajn samideanojn ĉeesti la kongreson. Plej afablan akcepton ili ricevos de la Liège'anoj.

Kongreskarto: 5 belgajn frankojn. Por informoj kaj aliĝoj oni sin turnu al: S-ro *Fernand Derigat*, 12, Chaussée des Près, *Liège*.

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko“ al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

***Leoben*:** Kurso de S-ro Puntigam, poŝtestro, al 40 oficistoj. — ***Wien*:** En la ĝenerala kunveno de Esp. Soc. Danubio estis elektita kiel prez. S-ro Ĉech, vicprez. S-ro H. Schicketanz, sekr. F-ino C. Staudner, vicsekr. S-ro J. Kohlenhofer, kas. S-ro A. Feller, bibl. S-ro Popper. La societo ricevis permeson instrui Esp. en urba lernejo en VII$^{a}$ distr. Kurson gvidas F-ino Staudner. Propagandan paroladon faris antaŭ soldatoj S-ro Kohlnhofer. En Bohema Klubo Esp-ista kiel prez. estis elektita S-ro D-ro Jokl, kiel vicprez. S-ro Kocourek, sekr. S-ro M. Ultmann, kas. S-ro Ĉech, bibl. S-ro Kozina. La ĉiujaŭdaj kunvenoj en la Komenský lernejo en XV$^{a}$ distr. estas bone vizititaj. En ĉeĥa gimnazio oni nedevige enkondukis Esp. 90 gelernantojn instruas Prof. D-ro H. Jokl. Kurso por ĉeĥ. soc. junuloj gvidas S-ro V. Starý. Ĉeĥ. gazetoj „Vidensky dennik“ kaj „Invalid“ raportas pri Esp. Kurso estas enpresita en la gazeto „Boj“.

## Belgio.

„Belga Ligo Esperantista“ presigis 10,000 broŝuretojn kun la raporto de la Komerca Ĉambro en Parizo, la decido de la Kantono de Genève pri enkonduko de Esp. en siajn lernejojn kaj aliaj gravaj informoj pri nia lingvo. Tiuj broŝuroj estis dissenditaj al ĉiuj belgaj komercaj ĉambroj kaj plej gravaj industriistoj kaj komercistoj. Angla ĥoro „Romilly Boy's Choir“ vizitos Belgion Pentekoston. La 12 februaro kunvenis komitato de neesp-istoj kaj Esp-istoj en sidejo de Nacia Instituto de Militinvalidoj en Antwerpen por organizi la viziton de la „Romilly Boy's Choir“ el Barry. La angla grupo konsistas el 34 knaboj kaj 10 geviroj (instruistoj kaj helpistoj); ĉiuj scipovas Esp. La infanoj volas kanti kaj violonludi kaj dediĉi la enspezojn al iu aŭ alia enlanda bonfara movado. La knaba ĥoro organizas ĉiujare vojaĝon eksterlanden. Ili jam vizitis Usonon, Kanadon, Francion, en kies ĉefurbo ili en 1912 ricevis I$^{an}$ Grandan Premion en la Internacia Muzika Konkurso. En Belgio la knaboj donos popolajn kantojn kimrajn, anglajn k. a., ankaŭ Esp. kantojn. La programo estos: 14 majo Ostende, 15 kaj 16 majo (Pentekosto) Liège, 17 majo Antwerpen, 18 majo Bruxelles, 19 majo Gent, 20 majo Brugge. La diversaj grupoj zorgos, ke ĉiuj anglaj amikoj dormu senpage ĉe privataj personoj, se eble ĉe Esp-istoj. Sekretario de la organiza komitato estas S-ro Frans Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen. — ***Gent*:** Nova kurso okazos en la Universitato la 13 aprilo.

## Britio.

***Birmingham*:** Kunveno de m. de UEA okazis la 16 februaro. 23 m. ĉeestis. La prez. estis S-ro W. H. Garbutt. La Del., S-ro C. C. Goldsmith, legis la jaran raporton, kiu montris kontentigan progreson. — ***Worcester*:** Granda koncerto okazis lastatempe. Partoprenis geknaboj el ĉiuj elementaj lernejoj en la urbo. Prezidis S-ro A. J. Morton, prez. de la Infana Atleta Asocio. 40 knaboj el St. Paulo Lernejo, l. de S-ro W. Severn, F. B. E. A., prezentis Espaĵojn. La prez. parolis jene: „Vi aŭdis kaj vidis kiel bone la geinfanoj respondis al la penado de la geinstruistoj, sed ankoraŭ neniam la loĝantoj de tiu ĉi urbo estas aŭdintaj knaboj el elementa lernejo deklamantajn aŭ kantantajn en lingvo krom ilia propra. Energie kaj esprimplene ili kantis „La Espero“ kaj poste prezentis amuzigan dialogon laŭ la plej natura kaj konversacia maniero. Tio ĉi estas novaĵo plej bonveninda, ĉar ĝi pruvas, ke eĉ geknaboj el elementaj lernejoj povas post mallonga studado paroli Esperanton, kiu ne kutime troviĝas en la lecionaro.“

## Ĉeĥoslovakio.

***Karlsbad*:** Dum la jara ĉefkunveno oni elektis jenan estraron: Prez. S-ro Zeiner, sekr. S-ro Josef Wünsch. S-ro Wünsch malfermis kurson, la duan dum tiu ĉi vintro, kun 25 p. — ***Kladno*:** 4 febr. okazis multvizitita parolado, kie pri aplikado kaj praktika uzado de Esp. kaj pri UEA parolis S-ro Pitlik, sekr. de la XIII$^{a}$. Osvětový Svaz (distrikta kultura asocio) malfermis kurson en halo de industria lernejo. 80 p., gvidanto S-ro Koer. Soc.-dem. ĵurnalo „Svoboda“ (Libero) presis la alvokon de Henri Barbusse al internaciistoj el „Esp-ista Laboristo“. Red. de tiu ĵurnalo, S-ro Brož, varbas kaj instigas partianojn por krei grupon de internaciaj socialistoj kaj partopreni la XIII$^{an}$ Kongreson. — ***Niemes*:** La ligo aranĝis propagandan paroladon, oratoro estis S-ro instr. Taubmann (Haida). S-ro instr. Füssel (Postrum) malfermis kurson por komencantoj. — ***Praha*:** Okazis jarkunveno de la germana grupo „Verda Stelo“. Oni elektis estraron: Prez. S-ro D-ro Bischitzky, sekr. S-ro H. Tutsch. En febr. du kursoj por komencantoj kaj unu por progresintoj komencis. Regula semajna rubriko Esp. en la tagĵurnalo „České Slovo“; artikoloj pri Esp. aŭ trad. el nia gazeto en „Mladé Proudy“, „Kovopracovnik“, „Obchodnické Zájmy“, k. t. p. — ***Praha-Nusle*:** Multvizitata kurso gvidata de la loka Del.; klubo fondata. — ***Reichenberg*:** Dum la jarkunveno oni elektis sekvantan estraron: Prez. S-ro instr. Hübner, sekr. S-ro Krusche. — ***Teplitz-Schönau*:** La ĝeneralkunveno de la Esp. grupo elektis: Honorprez. S-ro D-ro Knauer, 1$^{a}$ prez. P-ro D-ro Guth, 2$^{a}$ prez. S-ro H. Weiss, sekr. S-ro W. Chmellarz, kas. F-ino Fischer, bibl. S-ro Liŝka. D-ro Guth malfermos progreskurson, D-ro Knauer komencantan kurson. — ***Tetschen-Bodenbach*:** Okazis la ĉefkunveno de la grupo, kiu nun havas 50 m. La grupo finigis 4 kursojn, kaj 3 kursoj estas daŭrigataj. Estraro: Prez. S-ro H. Klinger, sekr. F. Bruche. La labora komitato konsistas el 15 m., kies prez. estas S-ro A. Felix.

## Danio.

***Grenaa*:** Kurso inter knaboskoltoj. Tri partoprenos al Praha Kongreso.

## Estonio.

***Tallinn*:** Tallinna fako de la Tutestonia Junulara Ligo aranĝis specialan kurson por siaj anoj. Partoprenas 30 p., gvidas la sekr. de „Espero“. Estas projektata malfermi ĉe la Ligo Esp. sekcion. „Espero“ aranĝis vesperfeston kun pure Esp. programo: ĥor- kaj solkantoj, deklamoj, teatraĵo, k. t. p „Espero“ havis je la fino de januaro 227 anojn. La mardaj kunvenoj estas multnombre vizitataj. 7 kursoj kun pli ol 300 p., precipe lernantoj. — ***Narva*:** Fondiĝis Esp. societo, aniĝis 31 p. — ***Tartu*:** Estas fondota Esp. societo.

## Finnlando.

Artikoloj en 14 diversaj gazetoj. Fondiĝis en Helsinki Laborista Esp. Societo, kiu intencas aliĝi al Liberiga Stelo. Esp. estas konstanta fako en la instruplano de la Evangelia Popolaltlernejo da Mäkipää. Same en la samnoma lernejo de Radansuu.

## Francio.

***Bourg-la-Reine*:** Post kurso de S-ro Muffang grupo fondiĝis. La kunvenoj okazas la unuan lundon ĉiumonate en la urbdomo. Adreso: S-ro J. Rupp, 23, rue André Theuriet. — ***Lyon*:** La 25 febr. okazis ĝenerala kunsido de la grupo (fond. en 1902); ĉiuj m. de la grupo estos samtempe m. de S. F. P. E.; post reelektoj: prez. S-ro Prof. Antonelli; vic-prez. S-ino Ranfaing-Zabilon d'Her kaj S-ro D-ro Madinier; sekr. S-ro Sandelyon (30, rue Ferrandière); kas. S-ino Farges; bibl. S-ro D-ro Beau. Dum la printempa kunveno (1—15 marto) de la Foiro de Lyon, propaganda parolado de S-ro Cherblanc, Del. en Tarare, sekr. de la Komerca Ĉambro. La Lyon'a Delegitaro de UEA eldonis novan propagandfolion en franca lingro por komeristoj. — ***Paris*:** Parolado de S-ro Archdeacon ĉe la Societo de urbaj subinĝenieroj. En „Ecole Emancipée“ artikoloj pri Esp. S-ro J. Camescasse, 39, r. de Douai IX (Poŝtĉekkonto 125) akceptas la

kotizaĵojn por la Grupo Esp. en la Franca Turing Klubo. — ***Saint-Maur:*** La grupo reorganiziĝis. Prez. S-ro A. Amiet, sekr. S-ro L. Prévot. Festo kun parolado de S-ro Th. Cart havis sukcesegon, pli ol 300 p. ĉeestis. — ***St-Omer:*** Sukcesa festo de la grupo licea.

## Germanio.

***Cammin*** (Pommern): S-ro rektoro Nimmerjahn gvidas kurson kun 22 p. — ***Elberfeld:*** Rektoro Trarbach faris paroladon en la supera komerca lernejo antaŭ kelkaj 100 p; sekve de tio, kurso baldaŭ komencos. — ***München:*** Okazis oficiala ekzameno de Saksa Esperanto-Instituto. Partoprenis 14 sam-anoj, interalie 2 F-inoj. 12 ricevis la ateston pri kapableco, 2 la instruistan diplomon. Ĉeestis la publikan ekzamenon urba lernejo-konsilanto Baier, reprezentantoj de la Komerca Ministerio, de la instruista unuiĝo kaj multaj aliaj gastoj kaj sam-anoj. Nia fervora sam-ano supera poŝtadministranto Jakob paroladis trifoje kun granda sukceso antaŭ centoj da poŝtoficistoj en la instrua salonego de ĉefstacidomo. Enskribiĝis granda aro da lernantoj.

## Hispanio.

***Barcelona:*** La Esp-ista Societo „Nova Sento" elektis novan komitaton: Prez. M. Gil, sekr. F. Pérez. — ***Terrassa:*** 3 kursoj daŭras kun sukceso, 70 p. Prelegoj en grupo Lumon: S-ro Sola pri Anatomio, S-ro Chaler pri Yprès. Ekskursoj al najbaraj montaroj. Kelkaj sam-anoj ĉeestos al XIIIa Kongreso.

## Hungario.

***Budapest:*** La laboristaj sam-anoj organizis kursojn en fakorganizaj societoj. En kelkaj, laste ĉe la ferlaboristoj, oni fondis grupon. En la Socia Muzeo viglaj kunvenoj kun deklamadoj. — ***Csót-tábor:*** En la tendaro por hejmenvenintaj militkaptitoj P-ro Stefano Kiglits fondis malgrandan grupon kaj propagandas. — ***Miskolc:*** Sukcesa festeto. Kursoj komencis.

## Italio.

***Padova:*** La grupo reorganiziĝis. Dank' al la afableco de l' Internacia Specimenfoiro ĝi kunvenas en la Palazzo della Camera di Comercio, S. 21 h. Post paroladoj de Kom. Prof. Alberto Alessio, S-ro Saggiori sukcesis aranĝi kaj gvidi 6 kursojn kun entute 265 p. Granda sukceso. Kurso speciala al la oficistoj de la Foiro. Tiu ĉi presigis 3000 invitojn, 3000 regularojn, 5000 aliĝilojn. Oni disdonis en la urbo 5000 propagandilojn, gluis afiŝojn kaj presis en la gazetoj. — ***Sampierdarena:*** Sub la aŭspicioj de la Urbestraro, kiu tre interesiĝas por Esp., Sampierdarena Esp.-Societo organizis du Esp. kursojn. La unua, komerca kurso, estas gvidata de S-ro Attilio Clavenna, prez. de S. E. S., la dua, popola kurso, estas gvidata de S-ro Eugenio Rondini, Del. de UEA. La Urbestraro subtenis ĉiujn rilatajn elspezojn kaj donacis monsumon por premii, fine de ĉiu kurso, la plej meritajn kursanojn. — ***Sestri Ponente:*** Sampierdarena Esp.-Societo organizis ĉe Popola Universitato, laŭ ĝia invito, Esp. kurson. S-ro Amedeo Redolfi, konsilanto de S. E. S., lerte paroladis pri Esp. kaj gvidas la kurson. — ***Trento:*** Du kursoj, unua de S-ro R. Antoniolli en la Reĝa Komercakademio, kies estro estas tre favora al la movado, dua en la popollernejo por geinstruistoj, gvidata de la estro mem de la lernejo, Prof. Masna. La Nacia Itala Kongreso okazos en Trento la 11—12 aŭgusto post la XIIIa.

## Jugoslavio.

***Zagreb:*** La 3 marto okazis la ĉefkunveno de la „Societo de Esp. en Zagreb"; vicprez. D-ro Maruzzi, sekr. Bertoli, kas. Pipinić kaj bibl. Šintić, legis siajn raportojn, laŭ kiuj la societo travivis sian 13an jaron, kiu estis ĝia plej sukcesplena. En la ĵus pasinta jaro okazis 10 publikaj paroladoj, 11 kursoj. La 15 dec. estis aranĝita Zamenhof-vespero, la 5 febr. amuzvesperon. Laŭ instigo de la societo estis malfermitaj kursoj en Split, Mostar, Kostajnica, Vinkovci, Križevci, Vel. Bečkerek, Dugoselo. La publika opinio nun estas tre favora al nia movado, dank' al bonaj instrurezultatoj kaj al subteno de l' gazetaro, kiu volonte malfermas siajn kolonojn por sciigoj el Esp. vivo. La registaro donacis 2000 kronojn kiel unuan subvencion. La komerclernejo „Merkur" enkondukis Esp. La asocio de gastejestroj sin turnis al la societo por pritrakti la demandon de enkonduko de Esp. en kelneran lernejon. La societo kalkulas 136 m. La enspezoj sumigis al 36,332.35 kr., la elspezoj al 22,298.28 kr., kontanta monhavo 14,453.07 kr. kun inventaro 26,193.87 kr. kun biblioteko 28,193.87 kr. Nuntempe estas gvidataj: kurso por komencantoj, 137 p., D-ro Maruzzi, por progresintoj, 40 p., P. Kastner. Post aprobo de la raportoj estis elektita nova komitato: Prez. Prof. Novljan, komitatanoj A. Bertoli, F-ino Ivka Denich, J. Janoušek, P. Kastner, Univ. Prof. D-ro Langhofer, D-ro Maruzzi, F-ino St. Peras, N. Perčec, J. Pipinić, D-ro St. Rosenstock, St. Sintić, D. Stefanković, D-ro Zvijezdić, F-ino Zupić.

## Latvio.

***Aluksne:*** S-ro A. Ajspurit multe propagandas en Norda Latvio. — ***Vainode:*** S-ro Bormen reveninte el Petrograd, vigle propagandas. — ***Riga:*** La Esp-istoj regule kunvenas.

## Polio.

***Bydgoszcz*** (Bromberg): Fondiĝis Pola Esp. Servo, kiu celas 1e akceli Esp. movadon en Polio, 2e konatigi Polion eksterlande (informejo, gazetservo), 3e plifaciligi al polaj Esp-istoj la akiron de Esp-aĵoj. Adr. Fr. Prengel, Podgórze 17, Bydgoszcz. — ***Czestochova:*** La Esp. movado pli kaj pli disvastiĝas. D-ro Thorn paroladas pri „Esp. kaj tuthomara kulturo". S-ro Karmiol fervore varbas anojn por UEA. S-ro Ekstein propagandas inter lernantoj, Ztotnik inter laboristaro. — ***Siedlce:*** Kurso gvidata de S-ro Ĉ. Pruski, Del. de UEA, ĵus finiĝis. Nova jam komenciĝis. Kunvenoj de loka Esp. unuiĝo „La Radio" okazas regule ĉiusabate. La unuiĝo eldonas rondirantan gazeteton „La Radio" ekskluzive por siaj membroj.

## Rumanio.

***Brašov:*** Tri kursoj gvidataj de D-ro Fanta. — ***Targul-Mureŝ:*** La grupo aranĝis la 25 febr. brile sukcesintan koncerton en la urba Kulturpalaco, kun deklamoj, ĥoroj, solkantoj, dancoj kaj bonega unuakta komedieto: „Se la edzo ne komprenas Esperante", verkita de sam-ano Metz, ĵurnalisto kaj verkisto. La Esp.-Centro por ***Transilvanio*** kaj ***Banato*** komencis leterkurson por provincanoj. Tre vigla interesiĝo. Ĉar la militistaj estraroj malpermesis la tre bone prosperintajn kursojn, la multnombraj interesiĝantoj, inter ili multe da profesoroj, estas devigataj lerni private.

## Rusio.

La Popola Komisariejo por klerigo eldonis je la fino de januaro 30,000 ekzemplerojn de la Esp. lernolibro Cart & Pagnier.

## Svedio.

***Göteborg:*** 4 kursoj; 2 gvidataj de S-ro Johansson, 2 de S-ro Nils Nilsson. — ***Västeras:*** Parolado de S-ro O. Ihrborn antaŭ bontemplanoj. Grupo fondiĝis. Kurso 18 p.

## Svislando.

***Genève:*** La grupo „Stelo" kunvenas lunde kaj ĵaŭde. La kunvenoj estas multnombre ĉeestataj (35—40 p.). — ***Montreux:*** Tria kurso komencis. Fondiĝis biblioteko (F-ino Frey) kaj ĥoro (S-ino Heddy Malera, estrino).

## Ameriko.

***Perth Amboy*** (N. J.): Ekspozicio de Esp-aĵoj organizita de S-ro Fisher. Kurso komenciĝis. — ***Chicago:*** Propaganda kunveno, prezidis nia Del., S-ro Šimonek. Oni organizis kurson. — ***Montreal*** (Kanado): 3 kursoj. Oni reelektis prez. S-ro C. F. Bardorf, sekr. F-ino E. Strachan. — ***Montevideo:*** La Esp. movado komencas periodon sendube promesantan novajn progresojn por nia afero. En lastaj monatoj nia tre fervora kaj konata sam-ano Henriko Muñoz, per sia senlaca individua propagando, altiris al nia movado urugvajan eminentulon Henriko Legrand, aŭtoro de matematikaj kaj astronomiaj

verkoj, poligloto kaj unu el la ĉefoj en la urugvaja politiko. Tiu sinjoro tuj komprenis la gravecon de nia movado kaj entuziasme sin donis tute al profunda studado de nia lingvo kaj de ĝia literaturo, tiel ke post tri monatoj de lernado, li tradukis en Esp. literaturajn verkojn el franca kaj el hispana lingvoj, nome „Anfitriono" de Molière kaj „La vivo estas sonĝo" de Calderón. Plie S-ro Legrand verkas en Esp. originalajn poeziojn, kaj li sindonas plene al nia movado. Li tuj aliĝis al ĉi tiea Esp. Grupo kaj al UEA kun siaj familianoj. Dank' al liaj klopodoj kaj al tiuj de S-ro Muñoz la Esp-istoj faras nun siajn kunsidojn en la Ateneo, grava kultursocieto. En lasta kunveno de Esp. Grupo Montevideo oni decidis unuanime, laŭ propono de S-ro Legrand, sendi gratulon al la Delegitoj antaŭ la Ligo de la Nacioj, kiuj voĉdonis favore al Esp. — ***San José*** (Costa Rica): Aperis multaj artikoloj en la ĉiutagaj gazetoj verkitaj de S-ro M. Maldonado, kiu vigle laboras por nia afero en la tuta regiono.

## Afriko.

***Las Palmas*** (Cararias): Kurso de S-ro H. Diaz Lopez kun 15 p.

## Azio.

***Ŝizuoka*** (Japanio): Okazis granda ekspozicio de Esp-aĵoj (en la urba muzeo) kiu daŭris 5 tagojn. Oni kalkulis pli ol 7000 vizitantojn! — ***Vladivostok*** (Siberio): Unua publika internacilingva diservo en Vladivostok okazis la 21 novembro. Prez. prelegis popularan ruslingvan skizon pri signifo, historio kaj nuntempa stato de nia problemo. Sekr. Balog deklamis kun kortuŝanta efiko poemon de Majstro „Preĝo sub la Verda Standardo". Poste antaŭ la per Esp-aĵoj belege ornamita altaro, romkatolika, militkaptita Pastro, S-ro Bostcarolli el Tirolo, preĝis kaj temis pri la nuna krizo de evangelioj de homaramo kaj pri tiuj de Jesuo Kristo. En la feston fermanta parolado Sekr. diris interalie, ke vole-nevole la internaciaj komercteknikaj kaj oficialaj-administraj interrilatoj bezonas nian plej facilan internacian ilon kaj la servadojn de ties adeptoj, kaj baldaŭ ni devas ekaŭdi pri la oficiala alproksimiĝo kaj iompostioma alpreno flanke de la gvidantaj registaroj.

# Svisa Esperanta Societo

*(Oficialaj informoj)*

*Atentigo:* Ni rememorigas, ke Svisaj Esperantistoj povas ricevi la verkon *„Vivo de Zamenhof"* de nia arĥivistino, F-ino E. Straub, Coulon 12, Neuchâtel. Prezo: Fr. 3. 50, poŝtkostoj enkalkulitaj. La verko jam ne bezonas laŭdon nek rekomendon.

La Centra Komitato okupiĝas nun pri diversaj demandoj. La enketo pri Ido estas finita. Sciigojn responde al ĝi ni ne ricevis multegajn. Eble tiel estas plej bone! Tre komplezan kaj sufiĉe interesan sciig-leteron la sekretario ricevis de l' oficejo Idista en Lüsslingen. Tiuj sinjoroj estu ĉi tie varme dankataj!

La voĉdonado pri la propono de l' grupo Zuriĥa (rilate „io" kaj „ujo") ankoraŭ ne atingis templimon. La rezultato estas do ne jam konigebla. Kiam la afero estos decidita, tiam ni tuj agos laŭ esprimita volo de plimulto.

Pere de la Centra Komitato unu Esperanta-propaganda konferenco de D-ro Privat estis aranĝita en Montreux. Tie fervore laboras por nia afero S-ino Alex. Mexin. Ni esperas, ke ŝi sukcesos fondi grupon aliĝontan al S. E. S., kaj dume dankas ŝin pro la jam farita laboro.

Interesan proponon ni ricevis el Germanujo, koncerne disvendadon de la Esp. lernolibro („Bildotabuloj" de Thora Goldschmidt) inter la Svisa Esperantistaro. Informoj baldaŭ estos donataj pri tio.

Korsalute

Prezidanto: *Jean Wenger.* Sekretario: *W. Perrenoud.*




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia gento aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Polio:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Leo.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro, ĝuas 10% da rabato por anoncoj en la jarlibro kaj rajtas la servon de informpetado.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

**Decidoj de la Komisiono.** — La Komisiono de UEA:

Dankas afable al la sindonaj samideanoj, kiuj plenumis la oficon de Distrikta Delegito konforme al la malnova statuto, aŭ kiuj helpis al la C. O. daŭrigi la rilatojn kun iliaj landoj dum la milito.

Deklaras la nuligon de la antaŭa Distrikta Organizo, petas, ke ne plu estu uzataj la koncernaj titoloj, kaj konatigas, ke ĝi fiksis la jenajn *Teritoriojn.*

*Granda Londono.* Limoj: Tiuj de la poŝta regiono de Londono (postal subdivisions of London). Ĝi enhavas ĉiujn urbopartojn, kies oficiala adreso montras la signojn: C.; N.; S.; W.; E.; aŭ kombinojn kiel W. C.; S. E.; k. t. p.

Sinjoro P. Blaise, Komitatano, estas petata organizi kunvenon de la teritoriaj Delegitoj por la elekto de Ĉefdelegito kaj de anstataŭanto. (Statuto art. 28.)

*Sudorienta Francio.* Limoj: la departementoj Ain, Rhône, Loire, Haute-Loire, Ardèche, Drôme, Hautes-Alpes, Isère, Savoie, Haute-Savoie. — Provizore estas aligataj al tiu teritorio la departementoj: Vaucluse, Bouches-du-Rhône, Var, Basses-Alpes, Alpes-maritimes, sude, kaj Saône-et-Loire, Jura, Doubs, Haute-Saône, Côte d'Or, norde.

Sinjoroj A. Carles kaj M. Génermont, Komitatanoj, estas petataj kunvenigi la Delegitojn por la farotaj elektoj.

*Finnlando.* Limoj: tiuj de la ŝtato.

Sinjoro V. Setälä, Komitatano, estas petata kunvenigi la Delegitojn por la farotaj elektoj.

La starigo de pliaj teritorioj estas ekzamenata. La Delegitoj, kiuj opinias, ke teritoria organizo en ilia lando respondas al vera bezono, bonvolu rilati inter si, peti la rekomendon de la plej proksima Komitatano kaj sendi siajn proponojn al la Ĝenerala Sekretario. La limojn de la teritorioj ĉiam fiksas la Komisiono; la ĉefdelegiton kaj anstataŭantan ĝi elektas por la teritorioj, en kiuj ne troviĝas almenaŭ 15 Delegitoj, kune reprezentantaj minimume 75 membrojn.

**Adreso de UEA.** — Ni ree atentigas, ke oni adresigu korespondaĵojn kaj monsendojn al la Universala Esperanto Asocio, kaj ne metu sur la adresojn la nomojn de la Prezidanto, Vicprezidanto, Sekretario, k. t. p. Tiajn leterojn kun nomoj ni devas konsideri kiel privataj kaj ne malfermas ilin. Por prokrastoj devenantaj el tiu kaŭzo ni malakceptas ĉian respondecon.

**Statistiko.** — Kun tiu-ĉi numero ni sendas al ĉiuj Delegitoj la oficialan Bultenon N-ro 4, kiu rilatas al la faritaj servoj kaj la Esperantista movado dum 1920. Ni petas la Delegitojn zorge plenigi la demandaron kaj ĝin rapide resendi plej malfrue du semajnojn post ricevo. Delegitoj ne ricevintaj la Bultenon bonvolu nin tuj informi. Delegitoj tute novaj, kiuj havas nenion raportotan konservu la demandaron. Ili vidos en ĝi kiamaniere ili klasigu la dumjarajn servojn por la statistiko de la venonta jaro.

**Enkasigo.** — La personoj nepagintaj ankoraŭ por 1921 estas informataj, ke dum aprilo ni enkasigos la kotizon per la poŝto, alkalkulante la poŝtelspezojn (Art. 11 de la statuto). Ni tre petas favore akcepti la poŝtrepagon. Personoj intertempe pagintaj, ĉu senpere, ĉu al Delegito aŭ peranto, sciigu nin pri tio.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum februaro 1921:

Ricevitaj: 1107. — Forsenditaj: 1238. — Tuta sumo: 2345. (Antaŭa monato: 3443).

**Kotizoj por 1921.** — Je la 28 februaro 1921 estis enkasigitaj 3140 kotizoj (de 603 membroj, 2478 membroj-abonantoj kaj 59 subtenantoj). Krom ili estas 197 dumvivaj membroj. Sume: 3337.

**Subtenantaj membroj.**

*Kvara listo:*

42. S-ro Jean Borel, Vaumarcus (Svisio). — 43. F-ino Z. A. Inman, Halstead (Anglio). — 44. S-ro T. R. Openshaw, Shipton (Anglio). — 45. S-ro R. G. Morton, Birkenhead (Anglio). — 46. S-ro D. Thomas, Cardiff (Anglio). — 47. S-ro Alexander Mann, Edinburgh. — 48. S-ro J. Pickert, St. Charles (Usono, Minnesota). — 49. S-ro D-ro J. Gianfranceschi, Buffalo (Usono, N. Y.). — 50. S-ro D-ro M. Blasberg, Kraków. — 51. S-ino Julia Goldzier, Bayonne (Usono, N. J.). — 52. S-ro Pedro Gomez, Buenos Aires (Argentino). — 53. S-ro A. Villafranca, Buenos Aires. — 54. S-ro J. Perriard, Cortaillod (Svisio). — 55. S-ro Minko R. Stojev, Troian (Bulgario). — 56. S-ro Wm. H. Doering, Philadelphia (Usono). — 57. S-ro A. D. Peck, Thornton Heath (Anglio). — 58. S-ro M. G. Krane, Rotterdam (Nederlando).

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Aldershot* (Anglio, Hampshire). — D.: S-ro O. F. Hills, instruisto, Pondtail, Fleet.

*Altona* (Germanio). — D.: S-ro Hermann Theobald, im Haag 18. Steenkamp.

*Des Moines* (Usono, Iowa). — D.: S-ro C. C. Briggs, ĵurnalisto, 2701, Hickman Avenue.

*Gerona* (Hispanio, Katalunio). — D.: S-ro D-ro Josep Casanovas, profesoro, Seminario.

*Gummersbach* (Germanio, Prusio). — D.: S-ro D-ro Fritz Köditz, profesoro, Lebrechtstrasse 12.

*L'Arbresle* (Francio, Rhône). — D.: S-ro Jean Rousset, lernejestro.

*Lupeni* (Rumanio, Transsilvanio). — D.: S-ro Jan Eissen, kemiisto.

*Negotin* (Jugoslavio, Serbio). — D.: S-ro Ĉeda Radoslavjeviĉ, studento de juro. — VD.: S-ro Miodrag Krsmanoviĉ, studento de juro.

*Omaha* (Usono, Nebraska). — D.: S-ro Rudolph Timmler, arbokulturisto, N-ro 3136, 57th street.

*Oviedo* (Hispanio, Asturias). — D.: S-ro Francisco Fernandez Braga, ĉokoladfabrikisto, Calle Santo Domingo 35.

*Pedralva* (Hispanio, Valencia). — D.: S-ro Daniel Lorens Sastre, kuracisto, Calle del Marques de Caceres 14.

*Petäjävesi* (Finnlando). — D.: S-ro Tuure Albinus Salonen, kooperativa vendestro.

*Pratola Peligna* (Italio, Abruzo). — D.: S-ro D-ro Rocco Santacroce, advokato.

*Rive-de-Gier* (Francio, Loire). — D.: S-ro Theodore Jacod, distilistolikvoristo, 6, rue César Bertholon.

*Sternberg* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Josef Balĉarek, ŝtatoficisto.

*Ŝiauliai* (Litovio). — D.: S-ro Vincenty Litevka, skulptisto, Maza Posadna 2.

*Tannwald-Schumburg* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Adolf Falk, laboristo, Gerichtsstrasse 261.

*Timiŝoara* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Alfred Bambach, juĝa oficisto, Strada Romulus 12.

Lokoj kun alilingvaj nomoj: *Ŝiauliai* = Schaulen = Szawli; *Timiŝoara* = Temesvar.

*Ŝanĝoj:*

*Birmingham* (Anglio). — D.: S-ro W. H. Sturge, 35, Carpenter Rd., Edgbaston.

*Glasgow* (Skotlando). — VD.: S-ro J. H. Horne, 171 A., George Str.

*San Francisco* (Usono). — VD.: S-ro B. F. Ames, 121, Chronicle Building.

La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.

Ne plu estas Del. en jenaj lokoj:

*Berchtesgaden* (Germanio); *Besançon* (Francio); *Carcagente* (Hispanio).

---

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Aprila raporto*

Urĝas! Pli ol unu fojon kolegoj ĝentile, sed tamen insiste petis, ke ni kiel eble plej baldaŭ resendu kontrolitan aŭ korektitan manuskripton. La administracio kompreneble tuj post ricevo de manuskripto eklaboras, sed la organizo de la Esp. Lit. Asocio ne ebligas rapidan efektivigon. Nur malmultaj anoj loĝas en la urbo de la administrejo, niaj 90 membroj estas disigitaj en la tuta mondo, ĉar la Asocio ja estas internacia. Multaj el ili dum la milito tute ne estis atingeblaj, nur iom post iom ni denove kun ili interrilatas. Ofte ni sendas al malnova kolego respond-poŝtkarton, demandante lin, ĉu li estas preta, denove labori. Pli ol unu fojon venis la sciigo, ke li aŭ ŝi estas malsana, nerve suferanta aŭ tro okupata. Tamen la tuta kolegaro estas diligenta, volonte ĉiu el ĝi laboras. La plej malfacilajn taskojn oni afable kaj sindone plenumas.

Nur rapidecon la aŭtoro ne postulu, ili ne sendu verkojn, se la presisto jam senpacience atendas. Ili sendu belan skribaĵon kun larĝa marĝeno sen la admono: Urĝas! Ili havu fidon kaj paciencon, ĉiu manuskripto certe revenos, kontrolita kaj korektita.

Nia nova kolego S-ro Walter Lippmann pliriĉigis nian literaturon plej vastsence. Lia nomo estas ĉiel bone konata per valoraj artikoloj lingvaj, filozofiaj, spritaj kaj ŝercaj. Li estas nun prilaboranta gravan verkon: „Lingvaj Respondoj de L. L. Zamenhof in deutscher Bearbeitung.“ Tiu ĉi verko respondas al urĝa bezono, ĝi aperos kun aldonoj kaj klarigoj. Ĝi ne malhelpos eventualan represon de la Lingvaj Respondoj per la Centra Oficejo.

S-ro Karlo Steier eldonis la 10an volumeton de Popola Biblioteko Esperantista: „Unuagrada legolibreto“ (E. Rothermel, Fiedrichswerth, 1 M. 10 pf., la tuta serio 10 M. afrankite). La mallongaj tekstoj estas ĉerpitaj el bonaj libroj, rekomendinda legaĵo por komencantoj.

S-ro H. Bonnevie, Kristiania, tradukis: „Kio povas okazi al Esperantistoj". Noveleto de B. F. Klingenberg.

S-ro M. Mielert tradukis tre faman verkon de nuntempa aŭtoro Paul Keller, kun la germana titolo: „Ferien vom Ich." La aŭtoro en sprita maniero montras, kiel homoj povas havi dumtempan liberigon de si mem.

Estas tre ŝatinde, ke denove moderna aŭtoro permesis aperon de sia verko en nia lingvo. Ne sufiĉe ofte ni povas ripeti, ke la verkistoj pliriĉigu nian literaturon nur per valoraj verkoj, tradukoj kaj originaloj. Kvankam la gusto de la homoj estas malsama kaj diversspeca, oni kontentigu la diversajn gustojn nur per bonaj libroj. Senvalorajôjn ni tute ne bezonas. Tre bonan efekton faris ekz. Paul Bennemann per sia traduko de „Gyges kaj lia ringo" de Hebbel. Ĉi tiu ĉefverko ĝis nun neniam estis tradukita en iun ajn fremdan lingvon; per Esperanto ĝi estos konata de la tuta mondo. La bonega traduko montros denove, ke nia lingvo havas animon, same kiel ĉiu alia vivanta aŭ antikva lingvo.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr 18.

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Sola,* membro el Tarrasa, kun F-ino *Angela Sicart,* Esperantistino el Tarrasa (Hispanio).

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Vicens Caballé.** Juna kaj fervora samideano el Barcelona.

**Kapitano Josep Domenech Alberich** mortis en Reus (Hispanio) post longedaŭra malsano. Li estis fervora pioniro de Esperanto en Girona kaj ĉeestis la kongresojn de Antwerpen, Krakow, Bern kaj Paris.

**H. S. Hermod,** en Malmö, mortis 60-jara. Li estis la iniciatinto de instruo per korespondado en Svedio.

**S-ino Mary Holden** mortis 5 jan. 1921 (74-jara), kara edzino de nia Del. en London, Henry Holden, 149, Queens Rd., London S. W. 19.

**S-ino Outran** mortis la 26 februaro en Boulogne-sur-Mer. Fervora Esperantistino depost la 1a Internacia Kongreso, ŝi multe propagandis por Esperanto en Nice kaj Menton, kie ŝi faris publikajn kursojn. Ŝi estis la patrino de S-ino Sergeant, kiu kun sia edzo, advokato, estas el la unuaj Esperantaj pioniroj en Boulogne.

D-ro **Hermann Stroele** mortis 41-jara en Neuchâtel (Svisio) la 14 marto post longa suferiga malsano.

Astronomiisto ĉe la Neuchâtela Observatorio, docento ĉe la scienca fakultato de la samurba Universitato, jam delonge membro de la Lingva Komitato, li estis sen ia dubo unu el la plej kleraj, lertaj kaj malnovaj Esperantistoj en Svisio. Li estis inter la unuaj membroj de la Svisa Esperanta Societo, en kies centra komitato li ludis dum kelkaj jaroj tie gravan kaj utilan rolon. Li ankaŭ iniciatis kaj ageme partoprenis en 1905 la fondon de la Neuchâtela grupo, kiu estas la nuna ĉefgrupo de S. E. S. En 1911, kune kun sia frato (S-ro Georges Stroele, kies recenzojn tiel ŝatas la legantoj de „Esperanto") li publikigis en „La Revuo" tre bonan tradukon de la bela komedio de Musset „Ne ludetu kun la amo".

La morto de tiu noblanima kaj afabla samideano estis dolora bato por la Svisa Esperantistaro, en kiu li havis nur amikojn.




Gvidanto:
*Fr. Hájek,* Přemyslovo n. 396, Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio)

**Problemo N-ro 4**
*K. Erlin*
(Ŝaĥmatnij Jurnal, 1895)



**Problemo N-ro 5**
*J. Scheel,* Slemdal
(Tidskrift för Schack, 1916)



Ekludante, Blanko matos per la 3-a movo. | Ekludante, Blanko matos per la 2-a movo.

*Solvo de la problemo 1*

1. D h 1 — e 4, R h 8 — g 7. 2. Ĉ g 5 × e 6 + k. t. p.
Ĉ e 6 laŭvole. 2. D e 4 — d 4 + „
Ĉ d 3 laŭvole. 2. D e 4 — e 5 + „
laŭvole 2. Ĉ g 5 × e 6 „

*Solvo de la problemo 2*

1. D c 1 — f 4, e 5 × f 4, 2. T e 4 — e 6 + k. t. p.
T g 4 × f 4, 2. T g 2 × g 6 + „
Ĉ b 6 — d 7, 2. K a 7 — c 5 + „
K f 3 × e 4, 2. Ĉ c 3 × e 4 + „
K d 8 — f 6, 2. K a 7 — b 8 + „
g 6 × f 5, 2. D f 4 × e 5 + „

*Solvo de la problemo 3*

1. D h 3 — c 8 k. t. p.

La problemon N-ro 1 solvis la samideanoj: G. van Heek, Hengelo; H. C. Mees, 's-Gravenhage (Nederl.); Jan Buřival, Praha; W. Chmellarz, Teplitz-Schönau (Ĉeĥosl.); A. Galindo; J. Garcia de la Serrana; E. Castellano Vita, Baza (Hisp.).

* * *

*Diversaj sciigoj*

*En fermita ĉambro kun fermita buŝo.* — La demando pri la mondmajstreco en la ŝakludo estos solvata inter la ĝisnuna mondmajstro D-ro Em. Lasker kaj la plej sukcesplena majstro J. R. Capablanca el Kubo. La vetludo havas la strangan regulon, ke la majstroj interludos solaj en fermita ĉambro, kiu estos al neniu alia persono alirebla. Tio okazos, por ke ili povu post la decidita vetludo surprizi la interesulojn per presa eldono de la luditaĵo. La majstroj apartenas al diversaj nacioj, ili ne multe interparolos. Ilia izoliteco estus certe terura, se la ŝakaj „lignetoj" ilin ne amuzigus.

La rekordon en la samtempa blindmaniera ludo posedas nuntempe ŝakmajstro Julius Breyer, kiu ludis en Košice (Ĉeĥosl.) la 30 januaron 1921 samtempe sur 25 ŝaktabuloj, ilin ne rigardante. Rezultis por li 15 gajnitaj, 7 nulaj kaj 3 perditaj interludoj.

*Leterujo de la redakcio.* — S-ro T. A. Allan, 91, Prud'homme Ave., N. D. G., Montreal (Kanado), proponas publikigi la nomojn de tiuj ŝakistoj, kiuj deziras ludi per korespondado. Ĉu estas aliaj interesuloj? — F-ino A. Hrbáčková, Zlín. Vi eraris; du-mova solvo neebla, sur a 8 estas la blanka R.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d. *Bulgario* 2.25 Lev; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F.M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio

**Graz.** — S-ro Ignaz Wallner, Stempfergasse 8. PI, L (nur kun vizitontaj de la XIIIª.
**Wien I.** — S-ro Max Ultmann, Zivnostenská banka, Herrengasse, L, PI.
**Wien III.** — S-ro D-ro Hugo Jokl, prof. de la Komensky-gimnazio, Schützeng. 35, serĉas koresp. por siaj lernantoj.
**Wien VIII.** — S-ro D-ro Josef Ritzner, Kochg. 32/8, PI, bfl, PM.
**Wien VIII/4.** — S-ro Josef Kolnhofer, Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp. gaz., k. ĉ. l. (vendas PM, postulu prezaron).
**Wien IX.** — S-ro Karl Kozina, Wasag. 30, PI, PM.

### Britio

**Baildon** (Shipley). — S-ro J. T. Holmes, Roundwood Grange, dez. gekorespondantojn el la lando por siaj gelernantoj 12- ĝis 55-jaraj. (Li mem nepre respondos la unuajn PK.)
**Huddersfield.** — S-ro Pastro A. J. Ashley, Farnley Tyas Vicarage, L (ekleziaj kaj literaturaj temoj), PI (nur skulptaĵoj, pentraĵoj), PM (proponu interŝanĝon aŭ sendu prezaron detalan).
**Huddersfield.** — S-ro Norman Booth, Springwood Terrace, Netherton, L, PK (kun skoltoj el ĉiuj landoj).
**Torquay.** — S-ro Wilfrin M. Appleby, 57, Fleet St., PM (bele uzitaj, sendos britajn kaj koloniajn laŭ kat. Yvert Tellier).

### Bulgario

**Poduene-Sofia.** — S-ro Georgi Fandikov, str. Esperanto 1, kore salutas ĉiujn Ĉ. P. B.-anojn ankaŭ S-ron Lundgren.
**Rusĉuk.** — S-ro Ljuben Ilja Njagolov, ul. Zar Chichman 7, L, PI.
**Sofia.** — S-ro Georgi Hr. Gaŝevski, Centra Librejo Esperanto, L, PI, k. ĉ. l. (pri ĉiaj temoj).
**Tirnovo.** — S-ro Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska 2299, L, PI, PM (interŝanĝas novajn kaj malnovajn Esp. revuoj k. ĉ. l.).

### Ĉeĥoslovakio

**Bodenbach.** — S-ro August Felix, komercisto, PI, PM, Esp. gazetoj, prezaroj.
**Bodenbach.** — S-ro Hans Čtvrtečka, Weiher 316, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Böhm. Kamnitz.** — S-ro Hugo Popper, PM, PI, k. ĉ. l.
**Bratislava** (Pozsony). — S-ro Emil Wanitsek, mestsky dom., L, PI.
**Bratislava.** — S-ro Fr. Molnár, inĝeniero, Stefánikova 23a, PI, PM, L (pri elektroteknikо, elektromedicino, socialaj temoj).
**Breznice** u Pribrami Ĉsl. — S-ro Klátil Karel, PM, PI.
**Brüx.** — S-ro Eugen Hrabak, Schulgasse 9, PI, PM, L (kun fremdnacianoj vizitontaj la XIIIan kongr., kun ekstereŭropanoj).
**Brüx.** — S-ro Alber W. Franz Kuda, Johnsdorferstr. 96, PI, PM, k. ĉ. l.
**Bystrice** pod Hostynem. — F-ino A. Janaliková petas adresojn por siaj lernantoj
**Dolany 85** u Klatov Ĉsl. — S-ro Tichota Petr, PM, PI, k. ĉ. l.
**Dolany** u Klatov Ĉsl. — S-ro Kučera Jaroslav, PM, PI, k. ĉ. l.
**Dux.** — S-ro M. Murath, gimnazia profesoro, PI, L (kun fremdnaciaj vizitontoj de la XIIIa kong.; kun ekstereŭropanoj).
**Dux.** — S-ro Wellmut Schally, Gimnazia Vilao, PI (kun fremdnacianoj).
**Herman.** — S-ro J. K. Huttar, P. p. Razice u Pisku, PM, PI, Esp-ajoj, k. ĉ. l.
**Karlov** apud Pizen Bronzová 2 Ĉsl. — S-ro Václav Tumpach, tek. ofic., PI, kol. naciaj kostumoj, PM, bfl.
**Kerhartice** apud Usti n. Labem. — F-ino Itka Čechová, instruistino, PI, L (kun eksterlandanoj).
**Kladno.** — S-ro M. Zazvonil, muzika lernanto, k. ĉ. l., PM, PI, muziknotoj (prefere kun Francio kaj Ameriko).
**Krochwitz** b. Bodenbach. — S-ro Wilhelm Lehnert, N-ro 127 (pri socialismo kaj laborista movado).
**Krochwitz 46** ap. Bodenbach. — S-ro Edmund Pöche, PI, bfl, k. ĉ. l. (ankaŭ pri botaniko).
**Krochwitz 56** ap. Bodenbach. — S-ro Rudolf Maier, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Lucenec.** — Alea Esp. Grupo, S-ro Antonio Marek, Apátfalusi 2, L, PI, PM.
**Lucenec.** — S-ro Madaro Löwy, Vajnska ul. 9, PI, L (literaturo, nuntempajoj).
**Lucenec.** — S-ro Schwarcz Georg, Srobarova u., PM, PI, bfl.
**Maxdorf** ap. Bodenbach. — S-ro Oswald Wedlich, instruisto, L (kun eksterlandanoj).
**Moravany** (Boh.). — S-ro inĝ. Leopold Berger, PI, PM, Esp-aĵojn (kolektas adresojn).
**Pisek.** — S-ro J. Huttar, Budova gymnasia, PI, PK, L, E, PM, k. ĉ. l.
**Pizen** Vrchlického 6 Ĉsl. — S-ro Nedvěd Ant., jurnalisto, PM.
**Pizen.** — S-ro Jakes Vilem, Šipka, PM.
**Podjedlina** ap. Rychnov n. Ku. — S-ro J. Kunc, gimnaziano, PM, bfl, L, PK, PI, k. ĉ. l. (prefere kun studentoj pri diversaj temoj, vendas legionajn PM, 1 serion por 5 Fr. sv., respondos tuj kaj nepre).
**Praha II.** — F-ino Karla Schmausová, instruistino, 1025 Havlíčkova 4, PI.
**Praha VI** Neklanova 24. — S-ro Bozdech Václ., profesoro, L, PI, PM (uzitajn kaj novajn, k. ĉ. l.).
**Praha-Nusle.** — S-ro Otto Zajíč, Sobeslavova 282, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle 387.** — S-ro Fr. Černy, urba oficisto PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Nusle 445.** — S-ro Lad. Klima, urba oficisto, PI, PM, k. ĉ. l.
**Praha-Smichov.** — S-ro Kurt Patzoll, komerca oficisto, Svedská ul. 30/II, Mecha, PK, L.
**Praha-Karlin.** — S-ro Francisko Schneider, inĝeniero, Havličkova 17, L, PK, PI, PM (intereso por konstruaĵoj).
**Prerov.** — S-ro Ed Sipták, Mostni ul. 14, PI, L, k. ĉ. l.
**Prestice-Pizen.** — S-ro Vaclav Hajšman, Vodokrty 36 p., PI, PK, bfl, PM.
**Privoz** (Moravio). — S-ro Kotik Ján, stud., Nádrazni tr. 196, PM, PI, k. ĉ. l.
**Protivin.** — S-ro Štepan Kovarik, Ĉis 23, PM, PI, k. ĉ. l.
**Reichenberg.** — F-ino Marta Buchar, Bismarckplatz, L, PI.
**Reichenberg.** — F-ino Julie Rödig, Laufergasse 12, L, PI.
**Reichenberg.** — S-ro Karl Palme, Gasometerstrasse L, PI.
**Reichenberg.** — F-ino Anna Umann, Bismarckplatz 13, PK, L (pri ĉiuj temoj).
**Reichenberg.** — S-ro Fritz Michalek, elektrokomercisto, Lerchenfeldstrasse (pri la XIIIa kongreso en Praha).
**Ruzomberok.** S-ro Bedrich O. Zubina, Poŝtfako 50, PI, bfl (vidu anonceton).
**Ruzomberok** (Lipt. zupa). — S-ro Karolo Soucek, oficisto de Slovenska banka, PI, bfl, L (nur kun Italio).
**Ruzomberok** (Lipt. zupa). — S-ro R. Chmela, oficisto de Slovenska banka, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Saaz 1144.** — S-ro Gustav Wagner, PI, PK, PM, L, Esp. gaz.
**Saaz 385.** — S-ro Hermann Födisch, PI, PM.
**Saaz.** — F-ino Anna Mann, N-ro 1013, PK, k. ĉ. l.
**Schumburg 435,** Post Tannwald. — S-ro Hugo Lorenz, PI, k. ĉ. l.
**Skrivany** ap. Pizen na Radosti. — „Esperantista klubo“ serĉas por siaj 30 membroj korespondantojn pri ĉiuj aferoj.
**Skrivany 142** apud Pizen. — S-ro J. Julis, PM, PI (kun seriozaj filatelistoj, laŭ katal. aŭ mankolisto).
**Skrivany 203** apud Pizen. — S-ro F. Kučera, PM, gazetojn.
**Slezská Ostrava.** — S-ro Jaroslav Vavrik, 1012, PM, PI.
**Stodo 136** u Pizen. — S-ro Rud. Šindelár, PI, PM.
**Teplitz-Schönau.** — S-ro Walter Chmellarz, Mühlstr. 6 (dez. ŝakludi koresponde kun bonaj ludantoj).
**Terezin.** — S-ro Albrecht Rösler, Trida I, PM, PI, k. ĉ. l.
**Tetschen-Liebwerd.** — S-ro Fritz Heuer, PI, PM, k. ĉ. l. (tuj respondas).
**Trautenau.** — S-ro Karl Wolf, Gebirgsstr. 54, PI, PM.
**Unter-Polaun 488.** — S-ro Rudolf Linke, instruisto, PI, PM, k. ĉ. l.
**Velesin.** F-ino Sona Kamarytova, PM.
**Vraclav via Zamrsk.** — S-ro Stanislav Loskot, k. ĉ. l. (ĉefe kun instruistoj).
**Vranov Slovakio.** — S-ro Zoltano Kraemer, PM, PI, L (kun zionistoj).
**Wustung 356,** Post Tiefenbach. — S-ro Josef Endler, PI, k. ĉ. l.
**Zumberk 85** apud Chrudim Ĉsl. — S-ro Zajiček Jaro, PK, L, k ĉ. l. (Esperante, boheme, angle kaj france).
**Zvolen 459.** — S-ro Josef Kavan, PM (kun plimaljunaj filatelistoj).

### Danio

**Odense.** — F-ino Knudsen, Skibhusvej 47, L, PI (por kurso de junaj sinjoroj).

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro W. Kawecki, komercisto, Fischmarkt 40/41, PM (ne germ.; ĉiam respondos).

### Estonio

**Dorpat** (Tarto). — S-ro Harry Busch, Elizabetstr. 17, L, PK, PI, PM, bfl (fotogr., gaz., kol. urbvidaĵojn).
**Haapsalu.** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L, stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Kaarepere.** — S-ro Vadimo Anofrijev, jurnalisto, L, PK, PI, PM (pri vegetarismo kaj rimedoj por favora propagando de Esp. lingvo).
**Tallinn.** — S-ro B. Konstantjuk, Poska 11 K. 4, L, PM.
**Tallinn.** — S-ro Jaan Kulbusch, Kristinentali tän 5 k. 2, PI, PM.
**Tallinn.** — S-ro Valter Poissmann, Kaupmehe str 20—11, PI.
**Tallinn.** — S-ro Johannes Rumberg, Viruvärava puiestee 17 k. 1, PI, PM, k. ĉ. l.
**Tallinn.** — S-ro Otto Klaas, Uuskalamaja tän. 19 k. 32, PI, bfl, PM.
**Tallinn.** — S-ro Herbert Freiberg, Rüütli 6, „Espero“, PI, bfl, PM.
**Tallinn.** — S-ro Gustav Pohla, Lai tän. 9 k. 3, PI, PK, PM, Esp. gaz., k. ĉ. l.
**Tallinn.** — F-ino Helene Luikmil, Tinastr. 7—11, PI, L (germane, angle, france)
**Tallinn.** — S-ro H. Mandel, Nikolaistr. 14—3, PI, bfl, PM.
**Tallinn.** — S-ro Friedrich Simson, Rüütli tän 28—4, E. E. U. „Espero“, PI, PM, bfl.
**Tarto.** — S-ro Jaan Laarmann, Liiva tän. 30 krt. 11, PI, L (revenante el Rusio, mi salutas miajn antaŭmilitajn gekorespondantojn kaj dez. denove koresp., vendas PM).

### Finnlando

**Heinola.** — S-ro Kaarlo Skogster, ĉe S-ino Lindblad, PM.
**Helsinki.** — S-ro Veikko Lindberg, Oikokatu 6 B, PM, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — S-ro Uuno Lôfman, Uudenmaankatu 38 B, PM, k. ĉ. l.
**Helsinki.** — F-ino Anna Ruuska, Ritarink. 2, 416, PI, L, Esp. gaz.
**Helsinki.** — F-ino Lea Koski, Runeberginк. 8 F, 53, PI, L (germane kaj Esperante).

